VIIIa jaro. No 118 ★ Duonmonata ★ 5 Marto 1912

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

**ABONO**

Jara abono . . . . . . 2,00 $ (5 fr. ») 
Luksa eldono. . . . . 2,50 $ (6 fr. 25)
*La abonoj komenciĝas de la 1a de ĉiu monato.*

DIREKTORO : HECTOR HODLER

**REKLAMO**

Reklamo (1 linio aŭ ĝia spaco). 20 Sd.
Anonceto (1 linio : 10 vortoj) . 15 Sd
Korespondado (1 enskribo) 20 Sd.
*Rabato da 10 % por 4 enpresoj, 25 % por 12 enpresoj ; 50 % por 24 enpresoj.*

Redaktejo & Administrejo : 10, rue de la Bourse, GENÈVE (Svisujo)

## TEKSTO



# MONDA ORGANIZO

II

Se ni nun konsideras (1) la aplikajn sciencojn, ni konstatos, ke la movado al internacia interkonsento estas ankoraŭ eble pli intensa ĉe ili ol ĉe la puraj sciencoj.

Inter la plej gravaj kunvenoj en tiu rilato, oni povas citi de post 1867, la internaciajn kongresojn de medicinaj sciencoj, kiuj kunigas ĉiam tre multenombran ĉestantaron. Krom tiuj ĝeneralaj kongresoj ekzistas aro da kongresoj por medicinaj specialajoj. Ekzemple, la homeopatoj regule kunvenas de 1876, la dermatologoj de 1889, la nevrologoj de 1885, la psikiatroj de 1889. La ĥirurgoj, kiuj kongresas de 1885, fondis en 1905 Internacian Societon de Ĥirurgio. La kongresoj de dentistoj, kies graveco preskaŭ egalas tiun de la kongresoj de medicinaj sciencoj, regule okazas de 1889. La okulistoj estas unu el la unuaj, kiuj kongrese kunvenis ; ilia unua kunsido okazis en 1857. La otologoj kaj laringologoj kunsidas de 1889, la ginekologoj de 1892. Fine, la bestkuracistoj, kies kongresoj estas ankaŭ tre gravaj, komencis kongrese diskuti de 1862.

Al la medicinaj demandoj oni povas aldoni la demandojn rilatajn al kuracado. De 1865 la apotekistoj havis sian unuan internacian kongreso en Braunschweig. Vakcinado kaŭzis la famajn kongresojn de la anti-vakcinistoj. La fizioterapio, kies aplikoj pli kaj pli multiĝas je nia epoko, ankaŭ okazigis kongresojn. La talasoterapio (marcuracado), unu el la plej malnovaj formoj de fizioterapio, estas de 1894 studita en multaj internaciaj kunvenoj ; pri elektroterapio kaj radiologio sin okupis pluraj kongresoj, de post 1899. La eksperimenta hipnotismo estis kaŭzo de kongresoj post 1889. Specialaj malsanoj, kiel la dormomalsano, la kancero, la lepro kaj precipe la tuberklozo, altiris la atenton de la ĉiulandaj specialistoj kaj ilin instigis kongresi. Fine, ekzistas « Internacia asocio de la medicina gazetaro » kaj « Internacia komitato por la medicina instruado ».

En la teknologia fako, la inĝenieroj kaj industriistoj de longe sentis la bezonon internacie grupiĝi. En 1878 okazis en Parizo la unua kongreso de civila ĝenio (inĝenierarto). En la sama urbo kunvenis la elektristoj je 1881 kaj, de 1902, fondiĝis « Internacia unio de la elektraj stacioj », kun ĉiujaraj kunsidoj. La internaciaj kongresoj pri minoj kaj metalurgio, regulaj de post 1889, estas el la plej gravaj. La teknikistoj ankaŭ internacie okupiĝis pri la unuecigo de la provmezuroj por materialoj, pri la gardado kaj sekureco de la vaporaj aparatoj. La tekniko de la privataj industrioj estis ankaŭ la okazo de internaciaj kunvenoj ; la teknikistoj de la bierfarado, de la sukerfarado, de la distilado, de la panfarado, de l'petrolo, de l'acetileno, de l'cemento, de l'papero, de la teksado, havas siajn regulajn internaciajn kunsidojn. De la demando pri teksado dependas tiu de la internacia unueco pri la numerado de la fadenoj, kiu kaŭzis internaciajn kongresojn.

La kampokulturistoj kunvenis jam en 1848 kaj regule kongresas de 1889. Aliaj specialaj kunvenoj estas dediĉataj al la kampokulturaj asocioj, kampokultura instruado, kolonia agronomio, unuecigo de la analizmetodoj de la sterkoj, fine al la kampokultura mekaniko.

La graveco de la kulturo de kelkaj produktoj necesigis

(1) Vidu *Esperanto* de 20 februaro.

specialajn kongresojn, precipe por la rizo, vinberarbaro, kaj ĝardenkulturo. Al la sama kategorio apartenas la kunvenoj rilataj al la zooteknio, specialaj tiuj por la racia nutrado de la brutaro, por birdokulturo kaj abelkulturo. La laktindustrio havas siajn kongresojn de post 1903. Fine la demandoj pri ĉasado kaj fiŝkaptado okupis la atenton de la diverslandaj specialistoj.

La juraj sciencoj havas kiel organojn tre gravajn internaciajn asociojn, kies famo estas tutmonda kaj aŭtoritato vere supera, nome : la Asocio por la reformo kaj la kodigo de la gentrajtoj, konata sub la nomo « International Law Association » kaj la « Instituto de internacia juro kaj kompara leĝaro ». La demandoj pri speciala juro aliparte kreigis gravajn internaciajn grupiĝojn : unu el ili estas la « Internacia unio por punjuro », kiu regule kunsidas de 1889. La internaciaj kongresoj karceraj havas preskaŭ egalan gravecon ; ĝi estis unu el la unuaj internaciaj kongresoj, kiuj okazis en la mondo (1846). Al tiu duobla organismo de punjuro oni devas de 1885 aldoni la internaciajn kongresojn de kriminala antropologio.

La demandoj rilataj al industria, literatura kaj arta posedrajto okazigis la kreon de du vastaj asocioj, kies kunsidoj havis decidan influon al la interŝtataj konvencioj, kiuj reguligas la patentojn, la fabrikmarkojn kaj modelojn, la aŭtorrajtojn. Ekzistas ankaŭ « Internacia Mara Komisiono », al kies agado pri la internacia leĝaro de albordiĝo kaj savado oni ŝuldas la alprenon de grava interŝtata konvencio. La unuecigo de la komerca juro estis la celo de multaj internaciaj kongresoj, kiuj sin okupis speciale pri la simpligo de la reguloj pri kambio. La administra juro jus naskis Konstantan Komisionon de la internaciaj kongresoj pri administraj sciencoj.

Sur kampo de filozofio, religio kaj moralo, estas fonditaj tre konsiderindaj internaciaj organismoj. Unue oni citu la internaciajn kongresojn de filozofio kaj psikologio, kaj la « Internacia unio de la etikaj societoj ». La Eklezioj formas en la realeco vastajn internaciajn grupiĝojn, kies koncilioj estas veraj internaciaj kongresoj. Oni rememoras la provon realigitan je 1893 kunvenigi en Ĉikago « tutmondan parlamenton de la religioj ». De tiam ĉiukvarjare internaciaj kunsidoj estas dediĉataj al la historio de la religioj. Kelkaj kultoj havas internaciajn kongresojn. Tiaj estas la eŭkaristia kongreso, la kongresoj de la malnovaj katolikoj, de la liberala kristanismo, de la baptistoj, de la tutmonda evangelia ligo. Oni ankoraŭ citu la Savarmeon, kun pli ol 100.000 membroj sur la tuta terglobo, la « Internacia Federacio de la liberpensuloj » kaj la « Universala Framasonaro ».

Se la pacifista movado iel rilatas al la politika kaj jura vivo de la popoloj, ĝi tamen povas esti citata tie ĉi pro ĝia religia origino kaj alta morala signifo. Oni scias, ke tiu movado komenciĝis en 1815 ; de 1889 ĝiaj jaraj kongresoj estas pli kaj pli famaj kaj apogas sin sur multenombraj ĉiulandaj societoj grupigitaj ĉirkaŭ la « Internacia Pacoficejo » en Berno. Kelkaj el tiuj societoj mem havas internacian karakteron, kiel la « Internacia Paca Instituto », la « Internacia Interkonsento », la « Internacia Ligo de la Paco kaj Libereco », la « Internacia Muzeo por la Milito kaj Paco ». Du el la plej gravaj internaciaj fondaĵoj rilatas al tiu movado : la fondaĵo Nobel kaj la novdata Carnegie-fondaĵo. Estas interese konstati, ke la unua pacifista kongreso, kunvokita en Londonon je 1843, estis la unua elmontro de la internacieма spirito, kies floriĝon ni nuntempe konstatas.

La instruado je ĉiuj vidpunktoj kaj ĉiuj gradoj estis la celo de multaj internaciaj kunsidoj. Krom tiuj pri la instruado ĝenerale, okazis kongresoj dediĉitaj al la unuagrada, duagrada kaj supera instruado, al la popola, familia kaj morala edukado. Kiel ni antaŭe diris, specialaj organismoj estis kreitaj por la matematika kaj la medicina instruado ; tiaj estis ankaŭ kreitaj por la komerca instruado kaj la studado de la vivantaj lingvoj.

La internaciigo de la studoj havis kiel konsekvencon la vojaĝadon de multegaj studentoj kaj en la lastaj jaroj ni konstatas viglan interŝanĝadon de profesoroj inter la diversaj landoj. El tio venas la fondo de kosmopolitaj kluboj ĉe la universitatoj, kiuj de 1907 estas kunligitaj en internacia asocio. La studentoj grupiĝis en vasta federacio « Corda Fratres » kaj en aliaj pli specialaj federacioj, kiel tiuj de la kristanaj, katolikaj kaj socialistaj studentoj.

La profesoroj de la unuagrada instruado siavice kuniĝis ĉirkaŭ la « Internacia Oficejo de la instruistaj federacioj ». Oni nun klopodas por atingi la samvalorecon de la diplomoj kaj la kreon de « Internacia Pedagogia Centro ». Oni scias, ke aliparte ekzistas en multaj landoj Institutoj de altaj studoj, kiuj estas kvazaŭ embrioj de veraj internaciaj lernejoj, kaj oni havis la ideon ilin unuigi en pli vasta organismo, kiu estus la Internacia Universitato aŭ pli bone la « Tutmonda Lernejo ». Atentinda estas ankaŭ la projekto de « Internacia Oficejo de la Universitatoj » kaj la plivastiĝo de la interlerneja korespondado. Al la demando pri instruado oni povas aldoni la intitucioјn, kiuj sin okupas pri la elekto de universala lingvo, speciale la vastaj ĉiujaraj kongresoj de Esperanto. Oni ankaŭ citu en la lingva kampo la « Internacia Fonetika Asocio », la « Federacio por la plivastigo kaj kulturo de la franca lingvo », la « Internacia Societo de Romana Dialektologio ».

La longa kaj iom teda citado, kiun ni devis fari, estis necesega por doni pli malpli precizan ideon pri la amplekso de la fenomeno, kiu tendencas organizi la mondon laŭ internacia normo. Tamen, por esti kompletaj, ni devus ankoraŭ paroli pri tre gravaj grupiĝoj, kiel la « Internacia Unio de la gazetaraj asocioj », la « Internacia Instituto de Sociologio », la « Internacia Instituto de Statistiko », la « Internacia Kolonia Instituto », la « Internacia Ekonomia Unio », la « Konstanta Komitato de la Komercaj Ĉambroj », la « Internacia Konsilantaro de la Virinoj », la « Internacia Asocio de la malvarmo », ktp.

Ni ankoraŭ devus rememorigi la historion de la universalaj Ekspozicioj, kies civilizan influon neniu nun kontestas. Oni scias, ke « Internacia Federacio de la Konstantaj ekspoziciaj Komitatoj » ilin kunigas kaj klopodas ilin konduki al ĉiam pli sinteza organizo. Oni ankaŭ penis kompletigi la elmontrojn de objektoj por la elmontroj de ideoj : jam en 1878, 1889 kaj 1900, en Parizo, la organizo de la internaciaj kongresoj estis alcentrigata, sed en Saint-Louis, je 1904, la « Internacia Kongreso de la sciencoj kaj artoj » plej bone realigis vere enciklopedian kaj universalan programon. Nia raporto devus ankaŭ citi la multegajn kunvenojn pri arto, arkitekturo, muziko, fotografado. La sportoj, kiuj ludas tiel gravan rolon en la internaciaj rilatoj meritus ankaŭ reteni la atenton : la « Internacia Olimpia Komitato » kaj la « Internacia Ligo de la turistaj asocioj » estas la du plej influaj organismoj, al kiuj oni devas aldoni tiujn, kiuj zorgas pri speciala sporto, kiel ciklismo, aŭtomobilismo, aerveturado, gimnastiko, ktp.

Kelkajn liniojn ni ankoraŭ ŝuldas al la entreprenoj, kiuj celas la intelektan inventaron de l'mondo. Jam registaroj konsentis monhelpi la « Internacian katalogon de la scienca verkaro », kiun faras la Reĝa Societo de Londono. Sed tiun problemon en ĝia plena amplekso konsideris la « Internacia Instituto de bibliografio kaj dokumentado » : la laboro, kiun ĝi trudis al si, konsistas el la metoda kolektado kaj klasigo de ĉio, kio estis skribita kaj publikigita ; tiuj skribaĵoj kaj eldonaĵoj estos tiom da paragrafoj kaj ĉapitroj de la « Universala Libro ». La ambicio de la iniciatintoj de tiu entrepreno estas resumi tiun libron kaj starigi al la homa penso monumenton, kiu estus la « Universala konstanta

# SOCIA VIVO

GEOGRAFIO

## Baŝkiroj (1)

II

La idealo de l'baŝkira bonvivado estas limigita per eblo fari gastovizitojn, sidi apud sia edzino kaj uzi ŝiajn servojn ĝis tio, ke edzo mem ne levas tukon falintan, manĝi « ĉakĉak », ŝafajon, « pelmenojn » kun ĉevalaĵo (kuiritaj kuketoj), trinki somere kumison kaj vintre teon kaj kiel eble plej malmulte labori. La baŝkiro plugas teron ne profunde kaj celante pli frue fini la laboron, lasas la tutajn terstriojn ne plugitaj. La arbarojn ili forhakas « ne timante Dion ». Tre simplanime ili faras ŝuldojn, kvankam ili konas, ke por ĉiuj aĉetitaj komercaĵoj oni skribas du- tri- kaj pli- oblan koston. Ekz. por funto da teo anstataŭ 80 sd. oni skribas 4 sm. !

Sed se la baŝkiro ne posedas provizon, kiun li tute ne emas fari, ĉar mankas keloj aŭ provizejoj, — kaj se okazis malfeliĉa rikolto, kiel en tiu ĉi jaro, tiam li mallevas manojn kaj submetas sin al malespero, aŭ vivas tagon post tago, buĉas pro manko de furaĝo ĉevalojn, bovinojn, ŝafojn kaj provizas viandon, sed pro manko de salo, ĝi baldaŭ putras ĉe la unua degelo kaj li demetas de tegmento pajlon kaj vendas ĝin al feliĉa najbaro por spesdeko. Fine la ekstrema bezono devigas lin buĉi ankaŭ la lastan ĉevalon por kontentigi la stomakon, sed li kunvokas najbarojn kaj kune manĝas viandon.

Por li sufiĉus 10 pudoj da viando, kalkulante 5 familianojn, por 4 monatoj, po 1/2 funto al ĉiu, sed li jam post semajno denove ploras pro malsato, — tiu ofero el sia propra mallaboremo, senzorgeco, gastemo kaj bonanimeco.

Estas io sovaĝeca en la baŝkira karaktero. En ĝi ankoraŭ restas nomademo. Somere la baŝkiro forveturas al kampo kaj loĝas en facila tendo sub nefermita ĉielo. Ili estas kredemaj, mallaboremaj, babilemaj, edzinamemaj, gloramaj, vantecaj. Al mia kondukisto mi donacis helflavan ĉemizon, peltĉapon kaj varmigan mallongan « beŝmeton ». Nu kio? Li dum tuta horo turniĝis antaŭ spegulo kaj admiris sin mem de ĉiuj flankoj, malgraŭ sia kvindekjara aĝo ! Lasu lin ŝpari ie dum servo 200 rublojn, li jam eksiĝas, fanfaronas, li aspiras esti sinjoro, reveni al la vilaĝo, dandi antaŭ siaj malriĉaj najbaroj pro novaj feltbotoj rozkoloraj, vulpĉapo, kaj sidi sur kuŝbenko inter siaj edzinoj kaj kusenoj, admirante brilantajn « kunganojn ». Ĉiam submetiĝante al mizero, ne ŝatante terkulturon, sopirante pri libera poezia libervivo, la baŝkiro tamen bone konas, ke li devas ŝanĝi sian vivmanieron kaj esperas je ies flanka forto en tiu ĉi rilato : iu venos kaj helpos lin eliri al nova vojo.

Multaj baŝkiroj, se ne la plimulto, sufiĉe bone parolas ruse kaj en tiuj zemstvaj baŝkiraj lernejoj, kie tiuj ekzistas, estas instruata la rusa legoscio. Mi vizitis kelkajn lernejojn ; la instruistoj estas sufiĉe kleraj homoj. Ili finis Kazanan porinstruistan seminarion. En tiu ĉi tre malproksima kaj senviva loko, el kiu ne estas eble sendi telegramon nek leteron, ĉar en interspaco de 100 verstoj mankas poŝtoficejo, kaj kien la gazetoj venas per malproksimaj komunumoficejoj post 1 1/2 monato, — tiuj ĉi instruistoj estas solaj fontoj de la menslumo.

— Komence estis malfacile konvinki la vilaĝanojn sendi infanojn al lernejo, diris la instruisto Enikeev. Sed pasis jaro kaj eĉ mankas loko, — ĉiutage venas lernantoj. Lernas knaboj, sed mi havas multajn plenaĝulojn, pli aĝajn ol 20 jaraj. Mi kun tiuj ĉi okupiĝas aparte. Kiaj kapablaj kapoj kaj kiel ili estas tirataj al libro ! Mallumaj vilaĝoj, malsataj, sed ili komencas kompreni, ke la klerigado estas necesa. Se pli da instruistoj, ne estus eble ekkoni la regionon post dek jaroj. Oni povas fari multe da bono !

Lernantoj buŝlegis ĉe mi ruse kaj rakontis same ruse la enhavon de la jus legita. Mi ankoraŭ en Topornino vizitis rusan lernejon, kiu kortuŝis min, sed ja tiu estis la rusa, kiun gvidas sperta instruistino, dum 20 jaroj da malfacila ofico ne perdinta energion kaj varman rilaton al la sankta afero. Malgrandaj geknaboj vilaĝaj skribas lecionverkaĵojn mirinde bone kaj per bela skribmaniero. Sed la legoscio de baŝkiraj knaboj eĉ miregigis min !

Plej kortuŝis min malgranda lernejo en la korto de mulla, kie lernas knabinoj, la *mulla* kondukis min al ĝi.

— Bonvolu sidiĝi kaj aŭskultu niajn versaĵojn. Mi sidiĝis sur malaltan seĝon. Ĉirkaŭ 50 infanoj 8-12 jaraj sidis ĉe lerntabloj, hele lumigitaj per fenestroj de ĉiuj flankoj. La knabinoj estis en diverskoloraj robetoj kaj kaptukoj. Ĉu floroj aŭ anĝeloj?

Filino de la *mulla*, — 13-jara instruistino, blondhara knabino — mansignis kaj ĉiuj knabinoj ekkantis per akraj voĉetoj unusone. Komence fariĝis sovaĝa impreso, sed ju pluen, des pli kutima fariĝis tiu ĉi unutona kanto. Delikataj sonoj laŭmezure balanciĝis jen alten jen malsupren. La filino de *mulla* takte movis sian maldikan brakon tra aero, kondukante la ĥoron. Mi intence ne petis tradukon de la kanto. Ŝajnis al mi, ke tiuj ĉi malriĉaj knabinoj kun tiaj ĉarmaj okuloj, submetiĝontaj kiel sklavinoj por malfacila sorto en malvarmaj kaj malsataj kabanoj, petegas Allahon, ke Li sendu rikolton al ilia kompatinda vilaĝo, verŝu sur ĝin Sian favoron, konduku el mallumo de neklereco kaj barbareco kaj donu al la baŝkira virino iom da libero kaj feliĉo.

— Ĉu vi deziras koni la tradukon, demandis la *mulla*.

— Ne bezonas traduki, mi komprenis, mi respondis, ne bezonas ! Dume mia kondukisto trovis en la vilaĝo bonajn ĉevalojn kun hirtigita hararo kaj ŝvelitaj ventroj, kiuj malgraŭ sia abomena aspekto montriĝis bonegaj trotuloj. Anko-

(1) Vidu *Esperanto* de 20. Februaro.

---

Enciklopedio », kies kunlaborantoj estus la ĉiutempaj kaj ĉiulandaj pensistoj.

Tia estas, tre maldetale skizita, la laborego plenumita de la ĉiunaciaj, ĉiureligiaj kaj ĉiurasaj homoj. Por ili ne plu ekzistas landolimo : ilia lando estas la provincoj de la tutmonda imperio, kies anoj ili estas. Sed ofte ili ne klare perceptas tiun fakton, ili ne konscias, ke ili kunlaboras je la internacia vivo. Por veki tiun konscion, iel materiigi la movadon, kiu kondukas la homaron al pli da konkordo kaj al pli intima kunlaborado en ĉiuj fakoj, laboris la fondintoj de la « Centra Oficejo de la Internaciaj Asocioj ». Ili konsideris, ke flanke de la demandoj propraj al ĉiu fako de la homaj konoj, ekzistas ĝeneralaj interesoj kiuj devas esti kune studataj, kaj precipe ĝeneralaj servoj, kiuj devas esti organizataj. Tial okazis la unua « Tutmonda Kongreso de la Internaciaj Asocioj », kiu studis la jenajn demandojn : jura situacio de la internaciaj asocioj, starigo de sistemoj de unuoj en la sciencoj kaj en la tekniko, organizo de la dokumentado, scienca kaj teknika lingvo, organizo de la kunlaborado inter la internaciaj institucioj. La Centra Oficejo de Internaciaj Asocioj estos la konstanta organo de tiuj kongresoj.

Ekzistas do de nun centro, ĉirkaŭ kiu, laŭ la hierarkio de la sciencoj, ĉiuj internaciaj grupiĝoj povos kunlabori. Libera entrepreno de bonvolo kaj konsentata kunlaborado, ĝi estos la plej elokventa simbolo kaj la plej palpebla pruvo de la homara unueco.

H. La Fontaine.

Senatano, Ĝenerala Sekretario de la Centra Oficejo de la Internaciaj Institucioj.

(Trad. A. R.).

raŭ ne sufiĉis neĝo, malgraŭ decembro, sed glitveturilo ekflugis kiel sago sur bulhava vojo, dolorfrapante al mi la pulmojn ĉe ĉiu kavajo. Koltaevanoj amasiĝis por adiaŭi min. Mi postrigardis sur ponto. Apud deklivo de la monto amasiĝis ĉirkaŭ 500 homoj. Teruran impreson igas granda silenta popolamaso. Mi preskaŭ fizike eksentis iun ligon, kiu fariĝis inter mi kaj tiuj ĉi homoj. Kaj tiu ĉi sento dolorigis mian koron. Verdire, mi ekploris. Per ploroj finiĝis mia nervstreĉeco.

Neniam mi kapablas forgesi la malĝojon de la koltaevanoj, kiun mi bedaŭrinde per tiaj palaj koloroj priskribis, eble tial, ke ĝi ne estas priskribebla.

J. J. Jasinskij, Trad. N. Foss (Del. Ufa).

## La Indiano de Nord-Ameriko

### III

*Transira periodo* (1). *La unuaj efikoj de civilizeco.* — La unuaj efikoj de la kontakto inter tiu primitiva raso kun Spartaj virtoj kaj neprogresa filozofio, kaj la energia, konkerema raso anglo-saksa estis entute detruigaj kaj malbonmorigaj. Nur post terura serio de mizeroj malfermiĝis tempo de rekonstruo kaj progreso. La ricevitaj rezultatoj povas grupiĝi en du partoj, nome la rezultatoj naturaj, neeviteblaj kaj la rezultatoj naskitaj de pripensita politiko.

La konfliktoj kiuj okazis pri la okuprajto de l'tero estis sendube preskaŭ neeviteblaj. Oni diris, kun sufiĉa ŝajno de praveco, ke nulaj estis la rajtoj de la Indiano pri la posedo de teritorio uzata ekskluzive por ĉasado. Sed simila principo ne estis en la leĝaro de la blankuloj ; fakte, liaj rajtoj estis de la komenco rekonataj *per traktatoj* aŭ aĉetoj. Malfeliĉe, la Ruĝulo ne komprenis sian fraton, la Blankulon. Lia naiveco supozigis al li, ke en tia granda lando estas loko por ambaŭ kaj ke tie ĉiu povas vivi trankvile, laŭ siaj propraj moroj. Apenaŭ necese estas rimarkigi, ke la Indiano ne tuj konfesis la superecon de bone organizita socio kaj ke li malŝatis akcepti la artojn, la literaturon, la morojn kaj la religion de l'invadinto ĝis la tago kiam la malsato, la premado kaj la sufero, sub diversaj formoj, komprenigis al li — severa instruo, ke li estas devigata al tio.

Alia neevitebla konsekvenco : la malvirtoj de la plej difektita raso estis imitataj de la plej simpla, kiu malbone preparita por batali kontraŭ la infekto, ricevis la ĝermon kaj ŝajnis ne resanigota. La negoco de la felo kaj aliaj valoraj komercajoj, modigita de la avideco de l'blankuloj, helpis al la degeneriĝo de la ruĝulo, ĉe kiu la gajnemo anstataŭis la antaŭan senkalkulan malavarecon. Precipe malhelpis la malmodera uzo de la likvoroj, kiujn la unuaj koloniigistoj profitis por premi kaj ŝteli la indiĝenon. La viskion kaj ebriecon sekvis la diboĉo kaj la malsanoj kaŭzitaj de la malbonaj moroj. La terura variolo, ĝis tiam nekonata, atakas multajn gentojn, ekstermas tutajn bandojn ; ankaŭ la tuberklozo : neevitebla rezultato de la hejma vivo, en malsanigaj loĝejoj (vivmaniero konsilata aŭ ordonata de la blankulo) kaj de malsufiĉa nutrado.

La kristana misiisto tre proksime sekvis. Instigata de la plej bonaj motivoj, li tamen faris gravajn erarojn. Li eraras pri la Indiana religio, en kiu li rekonas kaj riproĉas la « kulton de l'demono ». Tiel li ofte detruas la indiĝenan filozofion, kiun li ne anstataŭigas per io pli bona. Multaj el la unuaj konvertitoj estas tiaj nur laŭnome ; ili varbiĝas inter la vaguloj kaj hipokrituloj de la gento — la nobluloj fiere staras ekstere.

La historio klare montras, ke la eŭropaj koloniigistoj imitis la erarojn de la Indianoj pri la kondukado de iliaj interrilatoj. Vastaj terspacoj, ĉe la ekstrem-okcidento de la regiono kie la koloniigisto sin instalis, estis iafoje rezervitaj al la Indiano, sed tuj post pligrandiĝo de la rimedoj de la lando, la tero estis akarapata. Ĉiu gento provis rezisti. Tiuj homoj, en sia senespera batalo kontraŭ premegaj fortoj, montris mirindan kuraĝon kaj iafoje venkis. Ili fine estis submetataj, neniigataj unu post la alia, sed la blankulo devis uzi artifikojn : oni ekstermis la ĉasajon, oni ekscitis genton kontraŭ gento, oni eĉ subaĉetis la ĉefojn per donacoj por ke ili perfidu siajn subulojn. La terurajoj kaj kruelajoj de la Indiana milito estas aljuĝeblaj ne nur al la malespera stato de la indiĝeno, al la venĝemo kiun kaŭzis la senĉesa rompo de la traktatoj, sed ankaŭ al la fakto ke ili povis havigi al si tranĉilojn kaj modernajn pafilojn, dank'al siaj komercaj rilatoj.

Post la plena submeto komenciĝas la « periodo de sekestrado ». La gentoj, kies ĉasajoj estis detruitaj, havas ĉiam pli mizerajn nutrorimedojn. La Indiano havas la mizeran ekziston de almozulo ; li estas en la povo de malsuperaj oficiroj serĉantaj malpuran gajnon, lia vireco neniiĝas, li similas al sovaĝa besto enfermita ĉe zoologia ĝardeno.

Oni nun povas diri, sen timo de kontraŭdiro, ke tiu politiko estas eraro, kaŭzita de absoluta nescio pri la kapabloj de la ruĝulo. Antaŭ dudek-kvin jaroj oni deklaris, ke la Indiano estas tute malkapabla adaptiĝi al la blankula civilizo. Li memkompreneble ne estis tiel malkapabla. Oni estus devinta lin adapti al la medio. Kaj, jen, anstataŭ tio, oni agis laŭ supraja kaj malmorala doktrino, kiun esprimas tiu sentenco « La Indiano valoras nur post kiam li mortis », « civilizi la indianon estas kiel civilizi la serpenton ». Tiel parolis fama generalo kaj Usona senatano. Feliĉe, mala doktrino gajnas lokon en la pli kleraj generacioj. Kion respondi al tiu rezonado de G-lo Pratt « Por civilizi la Indianon, donu al li la civilizecon » ?

(*Daŭrigola*) D-ro Ch. A. Eastmann,
(Ohijesa) trad. (1) A. R.

IDEOJ & FAKTOJ

## La Helpaj Societoj en Riga

Mi volas rakonti pri speco de helpa kooperado, pri helpaj societoj, ekzistantaj nun en Riga (Rusujo) inter loka latva laboristaro, kiel necesa komplemento al ceteraj specoj de kooperado.

Kio estas tiuj societoj, kaj kia estas ilia funkcio ?

Laŭ la statuto, tiuj societoj celas helpi siajn membrojn okaze de malsano aŭ mizero, subvencii la enterigon de mortintaj membroj kaj iliajn familiojn, zorgi la disvastigon de lernado inter la membroj kaj iliaj familioj, ktp.

Estas videble, ke la societoj havas tre vastajn kaj diversflankajn celojn. Por atingo de tiuj celoj la societoj rajtas havi propajn lernejojn, bibliotekojn, muzeojn, ekspoziciojn, ĝardenojn por la infanoj, azilojn kaj vartejojn, somerajn koloniojn ; ili rajtas fondi siajn malsanulejojn, ambulatoriojn, kuraclokojn, jurajn oficejojn, oficejojn por serĉlaboroj, ktp.; fine, ili malfermas magazenojn. Sian agadon tiuj societoj rajtas disvastigi ne nur en la urbo, distrikto, gubernio, sed eĉ en tuta Ruslando.

Ni rigardu, kiom tiuj vastaj celadoj estas trafeblaj fakte, kaj kian gradon atingas tiuj celadoj de Rigaj helpaj societoj.

La ekskurso de Peterburgaj kooperantoj, kun V. F. Totomianc, vizitinta Rigon la 3-6-an de decembro 1911, kiun partoprenis ankaŭ la skribanto de ĉi tiuj linioj, observis, interalie, tri helpajn societojn kaj unu kontraŭ alkoholan societon « Norda Nimbo », kiu la sia kultura agado similas la unuajn.

(1) Vidu *Esperanto* de 5 kaj 20 februaro 1912.

(1) El la raportaro pri la unua Universala Raskongreso.

Inter la helpaj societoj plej interesa estas la Torensberga latva. Ĝi troviĝas en laborista kvartalo, fondiĝis jam antaŭ longe. unuigis interne de si diversajn kategoriojn el la laborista klaso. En 1910 ĝi havis super 7.000 membroj kaj en 1911, 9.000.

Ni vidas, kiom multaj homoj trovis por si legitiman kampon por la komuna laboro. De ĉie estas aŭdataj plendoj, ke la laborista klaso ne havas eliron : ĝiaj profesiaj unuiĝoj estas fermitaj, sekvi proletariajn ideojn estas malpermesite, mizero ĉiufoje, enpenetras la popolon kaj forrabas viktimojn, malscio kaj malklereco ĉirkaŭvolvis mizeran vivadon...

Kaj jen apud tiuj plendoj praktikemaj latvoj forĝas sian feliĉon. Ili, ŝparante siajn laborajn spesdekojn, konstruis sian grandiozan ejon. En tiu laborista palaco troviĝas malkara manĝejo, biblioteko, lernejo, danc- kaj observsalonoj, kuracejo, ktp. En la lernejo estas instruataj ĉirkaŭ 300 infanoj ; ili somere pasigas la tempon en la ĝardeno, kiu troviĝas ĉi-apude ĉe la laborista palaco. La biblioteko enhavas sufiĉan kvanton da bonaj libroj por la infanoj, plenaĝuloj kaj por pedagogoj de la lernejo. La lernejo havas 4 klasojn kaj estas provizita je ĉiuj necesaj lerniloj, je laboratorio kaj fizika kabineto. La pedagogoj, loĝantaj ĉi tie, en la laborista palaco, estas invititaj servi la interesojn de estonta labora generacio. En la salonoj oni aranĝas por laboristaj kaj iliaj infanoj solenaĵojn : kristnaskabion, renkonton de novjaro kaj adiaŭon de la malnova, vesperfestojn ludojn.

Sed kiam aperas la demando pri la administro de la aferoj societaj, tiam la salonoj pleniĝas je publiko. La kunvenojn vizitas ĝis 3.000 personoj kaj pli — ĉiuj dece, trankvile okupas lokojn en grandioza salono kaj konversacias pri siaj kolegaj aferoj.

Kia belega vidaĵo ! Ni malofte kutimiĝis vidi similan mitingon, kun mirinda takto kaj societa memkonscio solvanta siajn urĝajn demandojn.

Tiu societo en 1910 sukcesis aranĝi kelkajn bonfarajn laboristajn festenojn. Ĝi disdonis pli ol 6.380 Sm. da subvencioj, 174 Sm. al membroj nekapablaj labori ; plie ĝi disdonis subvenciojn por la enterigoj ĉirkaŭ 18.085 Sm. kaj speciale por orfoj kaj vidvinoj pli ol 3.192 Sm. Krom tio la societo elspezas por la lernejo, pedagogoj, kuracisto, ktp.

Tiel, en ĝeneralaj trajtoj, la helpaj societoj en Rigo plenumas siajn celojn. Laŭ la sama vojo iras aliaj, pli junaj societoj : Riga helpa societo kaj helpa societo de laboristoj en fabrikoj « Feniks » ; same laboras ankaŭ kontraŭalkohola societo « Norda Nimbo ».

Brando estas certe plej granda malamiko de laboristaro : ĝi heredigas malsanon kaj kondukas la popolamason al moralfalo. Dume la batalo pro la ekzistado, postulas sanon, prudentan vidpunkton kaj komprenon de fenomenoj de l'vivo. Kaj tiun ĉi veron bone komprenis la latvaj laboristoj ; en siaj societoj ili penas konservi principon de « abstinenteco » kaj de morala efiko kontraŭ drinkemaj kolegoj.

En la Riga societo neniu ano rajtas trinki bieron, kaj tiuĉi dua interesa laborista palaco ne konas en siaj limoj alkoholtrinkaĵojn. Tiel nerimarkeble edukiĝas la laboristaro — forto kaj apogo de l'estonteco en la vivo de apudbaltа regiono.

Sed la komuna ago de tiu popolo ne limiĝas je la supre dirita. Ni vidas ankoraŭ alian fenomenon : la samaj membroj de la helpaj societoj grupiĝas je konsumantaj kaj produktantaj societoj, kreditaj kaj pruntoŝparaj kolegaroj. La plikariĝo de la vivproduktaĵoj kaj manko da garantiaj laboroj igis la laboristaron aranĝi propran industrion sur la kampo de interŝanĝo kaj forvendo. Vere, la lokaj laboristoj konsideras tiujn ĉelojn, kiel portempan fenomenon en sia socia vivo, sed, kooperado ja ĉe ni, kiel tia, ankoraŭ ne estas konsciita, kaj profunda estonteco ĝia ne estas taksita.

Kio ajn estas la vivo puŝas la laboristaron al pozitiva laboro. Kaj tiu laboro fariĝas senbrue, ofte nerimarkeble por la nuntempa maldoĉa realeco, sed ĝi staras kiel bona ekzemplo kaj akra riproĉo al ĉiuj, kiuj ne volas labori aŭ kiuj ne scias labori same senbrue kiel la latva laboristaro en Riga.

Ev. Kanĉer.

Trad. A. Koĥ (Varsovio).

---

## La paroĥaj popolaj lernejoj en Rusujo

La Rusa popolo distingiĝis, de la plej antikva tempo de sia ekzistado, per religiemeco. Ankoraŭ estante idolanoj la antikvaj rusaj gentoj fervorege preĝis kaj adoris siajn idolojn. Vere, tia tempo estis tempo de popola infaneco, sed eĉ tiam la religiemeco de la popolo reflektiĝis brile kaj videble. Kiam la idoleco estis anstataŭita de kristaneco, kiun la rusoj akceptis de la grekoj, tiam ili fervore akceptis kaj servis la novan religion, kaj kune kun religio la rusoj akceptis de grekoj ankaŭ la edukon kaj grekan eklezian instruadon. Princo Vladimiro la Sankta, laŭ rusaj kronikistoj, penis fervore instrui la infanojn per ekleziaj libroj, legi psalmojn, kanti ekleziajn kantojn, preĝojn. La instruado de tia tempo estis milda kaj amema ; sed « bastonoj », « skurĝoj » kaj aliaj batiloj estis uzitaj pli malfrue, dum Tatarjugo. Do, en Rusujo aperis, de unua akcepto de kristaneco, la preĝejaj, ekleziaj lernejoj, kie oni instruis ne nur legi, skribi (antikvaslave) kaj kalkuli ; sed, precipe, pian vivon. La Rusa popolo, kutimiĝinta ankoraŭ dum la tempo de idoleco la vivon *komunuman*, ankaŭ komencis grupiĝi komunume dum princino Olga ; tiu ĉi nova kristana komunuma unuo estis nomata (kaj eĉ nune ankaŭ estas nomata) *paroĥo* kaj ĝis nun simila paroĥo ne nur ekzistas, sed estas la plej grava kaj nemovebla faktoro de la rusa popola vivo. Paroĥo estas unuiĝo de kamparanoj (kaj ne nur kamparanoj, sed urbanoj) kune kun preĝejo, lernejo, instruisto, pastro, psalmolegisto. Ĉiuj, pastro, instruisto, paroĥanoj vivas amike, per unu komunuma vivo. Lernejoj neekleziaj, registaraj, civilaj tiam ne ekzistis. Do, la prototipo de la nuntempa rusa eklezia popola lernejo estas, kiel oni vidas, en tempo de Vladimiro princo, t. e. en antikva tempo de rusa historio. Dum tia tempo en ekleziaj lernejoj oni instruis kanti (religiaĵojn), legi kaj skribi (religiaĵojn), sed, precipe, tie oni edukis. El lernolibroj ekzistis nur Psalmaro ; skribado estis nur transskribado el skribitaj ekleziaj libroj, kaj kantado de preĝoj. Legadon kaj kantadon ni ricevis de grekoj kun la helpo de bulgaroj, ĉe kiuj kristaneco disvastiĝis pli frue per la sanktaj fratoj Kirilo kaj Metodio. Post Vadimiro ĝis Tartarjugo la afero de popola klerigado estis la sama. La Tatarjugo malaperigis ĉian instruadon kaj edukadon ; la Tataroj pereigis la lernejojn, ruinigis la urbojn kaj vilaĝojn ; la instruado kaj edukado ĉesis, kaj nur en kelkaj monaĥejoj kaŝis sin la klereco kaj instruiteco. Dum la 13-a jarcento okazis Tatarinvado, kaj jam en 14-a jarcento oni ne parolas pri lernejoj. En la 15-a jarcento, se iu deziris lerni, li preskaŭ ne povis trovi sufiĉe spertajn instruistojn : preskaŭ la senalfabetuloj estis pastrigitaj ! Post la forigo de l'Tatarjugo la popola klereco grade elaperis el monaĥejoj kaj denove disvastiĝis sub la kontrolo kaj helpo de pastraro. Dum la regado de unua caro (Ivano Minaca, aperas en Rusujo unua presejo, estas presataj ekleziaj libroj, kaj instruado grade disvastiĝas en popolamasoj. Dum la 17-a jarcento oni komencis presi alfabetojn, gramatikojn kaj eĉ aritmetikon.

Caro Petro I akre deflankigis la vivon de la popolo el antikva fluejo, kaj li multe zorgis la klerecon... de superaj klasoj, sed li ne sukcesis ion fari por klerigo kaj instruado de la popolo mem. Eĉ dum la regado de Katerino II, kiu multe zorgis pri meza kaj supera instruado, la popola kle-

reco estis ignorata, kaj ĝi malrapide kaj tre grade kaj nevideble formiĝis kaj antaŭeniris, gvidata per popola pastraro, kiu en afero de l'instruado estis fremda al klerikalismo. Nur imperiestro Aleksandro I formis Departementon de popola klerigado kaj malfermis registarajn parohajn lernejojn, kie estris parohaj pastroj kun kelkaj el la plej estimitaj parohanoj. Nikolao I en 1828 daŭrigante la komencitan aferon de popola instruado, konfirmis la ĝis nun vivantan regularon de popolaj parohaj lernejoj; Aleksandro I malfortigis la influon de pastraro; Nikolao I per regularo de 1826, tute forigis la pastron de la estreco en lernejoj. Caro Aleksando II enigis en la vicon de malsuperaj popolaj lernejoj ne nur la registarajn lernejojn, sed ankaŭ la eklezian fonditajn de la pastraro mem. Sed la registaro malmulte subtenis la eklezian lernejojn, donante monhelpon ĉiujare po 55.000 Sm. por ili; sed kion signifis ĉi-tiuj 55.000 Sm. kiam, ekz. en 1865, 32.000 parohoj de Ruslando havis 21.420 lernejojn (eklezian) kun 1/2 miliono de gelernantoj? Post la liberigo de kamparanoj, eklezian lernejoj kreskis kiel fungoj, sed memkompreneble estas, ke sen helpo de registaro la eklezia instruado ne povis prosperi kaj la afero grade pereis; en 1884 ekzistis nur 5.500 lernejoj (el tuta kvanto 55.000). (Ĉiu lernejo ricevadis nur po 10 Sm. jare de registara monhelpo!)

Sed volo de Aleksandro III, en 1884, la 13 junio, restarigis la popolan eklezian lernejon, kiu ricevis definitivan kaj klaran regularon, firman organizon, kaj monhelpon da 55.000 Sm. jare.

(*Daŭrigota*). Pastro J. Seriŝev (Krasnij Jar).

## NOTOJ

∴ La prezidanto de Usono inaŭguris neordinaran fervojlinion. Por faciligi la komunikojn inter Usono kaj Kuba insulo, la Amerikanoj plilongigis en plenmaro, ĝis 188 km., la linion, kiu sekvas la orientan bordon de Florido. Por tio ili uzis koralrifojn, apartigitajn de la maro, kiujn la fervojo trapasos per pontoj, el kiuj kelkaj havas 9 1/2 km. La linio havas entute 50 km. de ponto super la plenmaro. Je tiu loko la oceano estas malmulte profunda (8 m.) kaj la reloj troviĝas 10 m., super la nivelo de la alta maro. Tiu giganta laboro estis rapidege plenumita.

Key West, finpunkto de la linio, estas la plej suda Usona haveno inter ĝi kaj Habana, ĉefurbo de Kubo, estas marbrako da 90 mejloj. De nun, la distanco inter New-York kaj Habano estos pli mallonga je unu tago. Tiu tramara fervojo, krom sia ekonomia graveco, estos unu el la plej kuriozaj linioj de l'mondo. I.

∴ La Prezidanto de Usono petis de la Kongreso krediton da 40.000 Sm., por kunvoki en Washington internacian konferencon, kiu studos la kaŭzojn de la kareco de la vivo. La konstanta kaj ĉiea altiĝo de la vivkosto devas esti grava priokupo de la registaroj, kaj Prezidanto Taft konsideras, ke konferenco organizonta internacian enketon, povos utile helpi por trovi la kaŭzojn de tiu ekonomia fenomeno. La apartaj studoj faritaj en kelkaj landoj restas senefikaj, ĝenerala ekzameno sin trudas por la solvo de tiu problemo. L.T.

∴ Tolstoja Societo, fondita en Peterburgo, posedas nun filion en Moskvo kun sia propra Tolstoja Muzeo, lokota en moskva domo de Tolstoj aĉetita de la urbo Moskvo. Kiu volas kaj povas, bonvolu sendi ĉion servantan por pli funda kono de Tolstoj al: Tolstoja Muzeo, Povarskaja, Moskvo. A. Ŝ.

∴ La kongreskarto por la internacia kongreso pri morala edukado (1), kiu okazos en Hago la 22-27 aŭg., 1912 kostas 5 Sm., por individuoj kaj 8,33 Sm., por societoj. Ĉiu membro rajtas mendi ĝis du kartoj por samfamilianoj po 2,50 Sm.; se sufiĉe da Esperantistoj partoprenas, la kongresestraro rajtas ankaŭ allasi Esperanton, laŭ la kongresregularo. — J. L. B.

(1) Vidu *Esperanto* de 20 januaro 1912.

## OKAZONTAĴOJ

*Aprilo*

(7-14). — Dudeksesa internacia kongreso de la orientistoj en *Ateno*.
(11). — Sepa internacia kongreso por Tuberklozo en *Romo*.
(16-19). — Kongreso de eksperimenta psikologio en *Berlino*.
(22-25). — Tria internacia kongreso de konstruado kaj Publikaj Laboroj en *Romo*.

*Majo*

(5-8). — Dua internacia kongreso de domposedantoj en *Berlino*.
(7-17). — Naŭa internacia konferenco de la ruĝa kruco en *Washington*.
(26-28). — Dudekkvina internacia kongreso de Novfilologoj en *Frankfurt-a-M*.
(26-28). — Internacia konkurso de muziko en *Parizo*.

*Junio*

Internacia kongreso de artistoj en *Parizo*.
(4). — Konferenco por senfadema telegrafado en *Londono*.
(4-11). — Dekoka konferenco de Kristana Unuiĝo de Junaj Viroj en *Helsingfors*.
(28-1 julio). — Sesa federacia festo de Sokoloj (gimnastikistoj) en *Praha*.

*Julio*

(16-22). — Tridekdua federala kant-festo en *Neuchâtel*.
(22-10 aŭg.). — Sesa internacia kurso de komerca disvastiĝo en *Antverpeno*.

*Aŭgusto*

Internacia matematika kongreso en *Cambridge*.
Dudektria Eŭkaristia kongreso en *Vieno*.
(6-12). — Deksepa internacia kongreso de medicino en *Londono*.
(22-27). — Dua internacia kongreso por morala edukado en *Hago*.

*Septembro*

Sesa kongreso de la internacia Asocio por la provoj de konstruaj materialoj en *Washington*.
Dekoka internacia kongreso de la Amerikanistoj en *Hago*.
Internacia kongreso de antropologio en *Ĝenevo*.
(1-6). — Internacia kongreso de liberpenso en München.
(4). — Sesa internacia Maria'ana kongreso en *Trier*.
(6-13). — Internacia kongreso de aplikita ĥemio en *Washington* kaj *New-York*.
(9-12). — Internacia kongreso por la historio de la religioj en *Leiden* (Nederlando).
(10-12). — Sepa ĝenerala kunveno de la internacia unuiĝo por leĝa laborista protektado en *Zürich*.
(22-29). — Internacia kongreso de higieno kaj demografio en *Washington*.
(24-28). — Internacia kongreso de la komercaj ĉambroj en *Boston*.

*Oktobro*

(16-21). — Internacia kongreso de la historio de arto en *Romo*.

∴

*Aprilo-Septembro*. — Bavara metia ekspozicio en *München*.
*Majo-Oktobro*. — Angla-Latina ekspozicio en *Londono*.
*Majo-Oktobro*. — Internacia ekspozicio en *Dunkerque*.
*Junio*. — Ekspozicio pri aplikita elektro en Hago.

C. O. de U. E. A.

# Al niaj Abonantoj

**Ni petas, ke ĉiuj abonantoj, kiuj estas informitaj pri finiĝo de sia abono dum tiu monato, bonvolu kiel eble plej baldaŭ sendi sian reabonon por eviti al si interrompon en la ekspedado.**

**∴ Ni de nun konsideros plendojn pri nericevita N-o nur se ili venos ne pli malfrue ol unu monaton post la apero de la koncerna N-o.**

# LITERATURA PAĜO

## TRA LA ESPERANTA LITERATURO

**Albrecht Dürer**. — Librejo Fr. Seybold, Ansbach, 3, Bavarujo. Prezo bindita : 2 Sm. Germana Esp. Asocio faris grandan servon al Esperanto kaj al nia propagando, eldonante tradukon de tiu grava kaj belega verko de D-ro Fr. Nüchter. Ĉe tiu tradukado laboris aro da Esperantistoj sub la lerta direktado de S-ro Kandt kaj S-ino Hankel. Aliaj sindonemuloj zorgis pri la korektado kaj fine S-ro A. Grabowski trarigardis la tuton kaj aprobis la tradukon. Oni vidas, ke niaj germanaj samideanoj, kiel kutime, metode penadis por liveri al la Esperantistaro bonstilan kaj fidindan tekston.

Cetere la originala verko indis tian metodemon kaj zorgemecon por la okula kaj spirita ĝuado de la artamantoj kaj la nepra artemiĝo de multaj aliaj.

Tiu enfolia kajero (cm. 34,5×26) enhavas 75 paĝojn, 54 tabulojn kaj bildojn (t. p. pentraĵoj, mandesegnaĵoj, kupro-kaj ligno-gravuroj, unu kolorpresaĵo). La plej bonaj verkoj de Dürer estas modele reproduktitaj, grandparte laŭ originala grandeco.

Mi rimarkis inter aliaj rimarkindaĵoj la portretojn de la patro kaj patrino de Dürer kaj de Dürer mem — la leporon, mirinda mandesegnaĵo — Adamo kaj Evo'n — la faman Kavaliro, Morto kaj Diablo'n — Melancholia'n — la kvar Apostoloj'n — la portreton de Holzschuher, k. t. p.

La teksto kiu akompanas la bildojn interese rakontas pri la vivo kaj tempo de Dürer, kaj ĝi tiel klare priskribas la represitajn pentraĵojn kaj gravurojn, ke la desegnitaj scenoj kaj personoj, kun la tuta Dürer-a epoko, kun la tiamaj kredoj, karakteroj kaj moroj, ŝajne reviviĝas kaj moviĝas sub la mirigitaj okuloj. Certe, traleginte kaj trarigardinte tiun libron, ĉiu esperantisto povos pli multe koni pri la fama XV-XVI jarcenta artisto ol multaj profesiaj artkritikistoj.

Tute rajte kaj sen ia ajn trograndigo la eldonistoj certigas ke la duspesmila prezo estas malalta rilate al la riĉega materialo, ke la libro taŭgas por donacoj kaj premioj, kaj ke neniu aperaĵo en nia literaturo pli meritas trovi lokon en la biblioteko de ĉiu esperantisto.

**Halka**. Opero en 4 aktoj, muz. de S. Moniuszko; teksto de W. Wolski, esperantigis Ant. Grabowski. Librejo Hachette, Paris. Prezo : Sm. 0,40.

Tri famuloj kvazaŭ kunlaboris por doni al la esperantista popolo tiun altvaloran libreton : St. Monjuŝko (1819-1872), unu el plej geniaj polaj komponistoj, — Vladimiro Volski (1825-1872), pola poeto kaj romanverkisto — Ant. Grabowski, verkinto de l'*Kondukanto de l'interparolado kaj korespondado*, la homo, kiu kredeble la unua sonigis sub la ĉielo, interparolante kun D-ro Zamenhof — nian internacian lingvon.

En interesplena antaŭparolo S-ro Grabowski diras, ke la muziko de Monjuŝko « parolante rekte al koro, ravas ĉiujn, ne nur la muzik-scienculojn. Do ankaŭ nia diversnacia esperantistaro certe ne kulpigos Moniuszk'on por tio, ke lia ĉarmoplena, melodiriĉa *Halka* estas por ĉiuj tiel facile komprenebla. »

La libreto de W. Wolski « leviĝas alte super la kutima nivelo de tiaj helplaboroj, kaj eĉ sen muzika ilustro, kiu estos ja ĉiam la ĉefa, ofte la sola belo de opero, ĝi havas sian apartan, memstaran valoron ».

« La kortuŝantaj arioj de Halka kaj Jontek estas veraj perloj de lirika poezio kaj ili povas per si mem ornami ĉiun poezian antologion. Kelkaj el ili, aperinte jam antaŭe en internacia traduko, ravis la esperantistaron. Ni opinias do, ke interese estos al la samideanoj ekkoni la tutan tekston de la *unua esperanta opero*, kiun espereble multaj el ni admiros sur la scenejo dum nia jubilea Krakova kongreso. »

Al tiuj tre precizaj informoj mi aldonos nur ke, malgraŭ la malfacilaĵoj, kiujn renkontas tradukanto por alĝustigi versan tradukon kun la ritmo kaj muziko, S-ro Grabowski, dank'al sia profunda kono de la lingvo, sukcesis verki tre poezian, belsonan kaj facilkompreneblan poemon.

Mi citu parton al la « dueto » de Halka kaj Januŝ (Akto I, sc. IV) :

| HALKA | JANUŜ |
|---|---|
| Vi min ne forlasos, karo !<br>Sed revenos al montaro,<br>Falko de mi !<br>Ĉe l'torento mi ne plendos,<br>Sed sopire mi atendos<br>Ĝis alflugos vi.<br>Ni por ĉiam nin kunigos,<br>Sole morto nin disigos,<br>Se ordonos tion Di ! | Jes, mi vin ne lasos, kara,<br>Sed revenos al montara<br>Hejmo de ni.<br>Vi ne ploros, vi ne plendos,<br>Sed trankvile min atendos,<br>Ĝi revenos mi.<br>Ni denove nin kunigos,<br>Sole morto nin disigos,<br>Se ordonos tion Di ! |

***

*J. Schmid, L. K.* — **La organizado de la intelekta laboro** per « la Ponto, de Bührer kaj Saager, Ansbach 1911, librejo Fr. Seybold. Prezo (bindita) : Sm. 2.

Jam kelkaj artikoloj aperis en Esperanto pri la *Ponto*, aŭ Instituto fondota por organizado de l'intelekta laboro. La temo de la suprecitita verko estas altascienca, la libro lukse eldonita kaj presita. Eble ĝi allogos la scienculojn. Sed mi dubas, ĉu la Esperantistoj trovos plezuron kaj utilon en ĝia meritplena legado.

La libro estas kvazaŭ sub la patronado de S-ro W. Ostwald. Plie, la aŭtoroj, ĝuste parolinte pri la enkonduko de universala helplingvo, aldonas : « Ekzistas jam hodiaŭ universala helplingvo. Aŭ, plibone, ekzistas du, kiuj povus esti enkondukataj, nome Esperanto kaj Ido. Pri tio oni povas diri sole : se helplingvo devos esti enkondukata, estas antaŭe necesa interkonsentiĝo inter la adeptoj de tiuj ambaŭ lingvoj. Tio povus esti ebla jam pro la fakto, ĉar la ambaŭ lingvoj (ĉar Ido elkreskis el Esperanto) ne montras grandajn diferencojn, k. t. p. (p. 93). »

Mi protestas kontraŭ tiuj vortoj. *Ekzistas* nur unu lingvo internacia, nome Esperanto. De sia naskiĝo Ido estas mortaĵo, kiun tage kaj nokte dissekcas kelkaj filozofoj, matematikistoj, teoriemuloj. Oni ne povas interkonsentigi kaj kunvivigi kadavron kun vivaĵo, kiel estas *nia* Esperanto. Pro tio la kelkaj gramatikemaj Esperantistoj, kiuj sin distras biologie komparante Idon kaj Esperanton, devas zorge purigi kaj malinfekti siajn bisturiojn, antaŭ ol vivisekci nian lingvon, pro la timo ke ili enigu en ĝin venenajn kaj mortigajn ĝermojn. Cetere, plenmano da fabrikantoj de lingvaj projektoj facile povas interkonsenti. Sed tio estas ja neebla al la Esperantistaro, kiun kunligas nur la Fundamento ; kiun estras neniu homo, eĉ ne Zamenhof ; kiun regas neniu komitato, eĉ ne nia heterogena Akademio.

VERTO.

Aliaj ricevitaj verkoj.

**Venĝo venĝita**, humora bilda rakonteto, verkis D-ro A. Rudy, Raleigh, N. C., Usono. Prezo : Sm. 0,25.

**La Amkonkurantoj**, triakta komedio de Reinhold Schmidt. Central Verlag für Esperanto, Magdeburg, Kaiser-Friedriehstr., 1. Prezo : 0.25.

**Esperanta Psikistaro** (2-a eldono). Ricevebla de la : Bureau permanent d'étude des phénomènes spirites, 8, rue des Babillardes, Anvers.

**Raporto pri la subkongreso de Esperanta psikistaro.** Havebla senpage ĉe la sekretario de Esp. psikistaro, rue Appelmans, 26, Anvers.

*E. Boirac.* — **Vortaro de la oficialaj radikoj de Esperanto.** Paris, Hachette, 79, boulevard Saint-Germain. Prezo : Sm. 0.20.

# ESPERANTISMO

### AL NIA LEGANTARO

Ni rememorigas al niaj legantoj, ke ni deziras la kunlaboradon de kiel eble plej multaj samideanoj por la redakto de la rubriko « Esperantismo ». Ne necese estas skribi leterojn : plej ofte sufiĉas poŝtkarto. Ni plezure enpresos ĉiujn informojn pri nia movado, sed kompreneble ni devos kelkfoje resumi, ĉar mankas al ni loko. Ni rekomendas al helpontoj la precizecon ; ili bonvolu indiki la daton de ĉiu fakto (parolado, kurso, k. t. p.), la devenon de ĉiu informo. Por artikoloj en naciaj ĵurnaloj oni sendu al ni, se ne la ĵurnalon mem, almenaŭ ĝian titolon kaj daton, la nomon de la urbo, kie ĝi aperas, kaj resuman enhavon de l'artikolo. Plue, kiam komitato organizas nacian aŭ provincan kongreson aŭ eĉ feston iom gravan, estas konsilinde konigi al nia redakcio kiel eble plej frue la daton kaj programon de tiu okazontaĵo. Tiela reklamo ne estas vana por la sukceso. Senutile diri, ke ni poste danke ricevos iom detalan raporton pri tiaj manifestadoj de nia vivado. Ĉiuj korespondaĵoj devas alveni antaŭ la 12a kaj 27a de ĉiu monato al la adreso : « Esperantio », rue de la Bourse, 10, Genève, Svislando.

## KRONIKO

**Novaj grupoj kaj Societoj.** — En *Bruselo* (Belg.) fondiĝis speciala junula grupo sub la nomo « la Zamenhof » ; ĝi estas starigita ĉe la Instituto Sta Ludoviko, la plej konata urba Lernejo.

En *Ixelles* (Brusela antaŭurbo) la « Teaching Club » starigis esp. sekcion nomitan « Al la Venko ! » ; la stariga festo tre suksesis kaj espereble progresos nia afero en tiu ĝis nun ne multe « prilaborita » antaŭurbo. — L.

En *Palma* (Baleare, Hispan.) la grupo estas reorganizita. Prezidas S-ro Gabriel Alomar, jus elektita ; Sekretario estas S-ro Mateo Bosch, Infanteria kapitano, placo Merced 2. — A.

En *Pittsburgh* (Usono) fondiĝis inter la Studentaro « Universitata Esperanto-Klubo. Prezidanto : S-ro Jagannath Khanna (hinda Studento) ; sekretario : S-ro R. Emery. — J. M. C.

En *Blair* (Usono) estas starigita Esperanta fako en la Kristana Celadistaro, kiu ampleksas ĉirkaŭe 600 societojn. — Ch. P. L.

**Novaj Kursoj.** — En *Wien* (Aŭstrio) post parolado de S-ro A. Lochner ; ĉeestas 41 oficiroj kaj militoficistoj.

En *Milano* (Ital.) ĉe la popola Universitato, la 14 de febr. Prof. V. Colonnese malfermis la unuan kurson kun ĉirkaŭ 80 personoj. — V. C.

En *Cordoba* (Hispan.) la grupo, uzante la rajton donitan de la Reĝa dekreto (27 julio 1911) elektis profesoro de Esp. ĉe la gimnazio S-ron J. Franquelo, Esperantianon. — P. L.

En *Praha* (Bohemujo), la unua virina grupo organizis 2 kursojn, superan (S-ino M. Krausova) kaj elementan (F-ino S. Ŝupichova).

En *Bolton* (Anglujo) tri kursoj jus malfermitaj ; la movado ĝojige kreskas, precipe inter la laboristaro. — A. R. H.

En *Auerbach* (German.) la unua kurso havas 48 lernantojn ; en *Rodewisch*, 30 ; en *Lengenfeld*, 41 ; en *Netzschkau*. 30. — H. G.

En *Pålma* (Baleare, Hispan.) — S-ro Gabriel Alomar direktas kurson ĉela Oficiala Instituto (duagrada lernejo).

En *Genova* (Ital.) unua kurso kun pli ol 100 lernantoj, de S-ro A. Reni. — R.

En *Genova* (Ital.) la Liguria Instituto malfermis superan kurson kun 40 ĉeestantoj en la lernejo Balanio (Gvidas D-ro Stromboli). — Ĉe la Reĝa Universitato, de S-ro A. Schmucker, kun la permeso de la Rektoro. — S.

En *Peterburgo*, la 14 febr, komenciĝis du kursoj direktatoj de la Vic-Del. S-ro Lorencson. — T.

En *Nadeĵdinskij zavod* (Gub. Perm., Rusujo). — S-ro Beloglazov malfermis kurson la 8 de febr. por Grupo laborista. — B.

En *Ixelles* (Brusela antaŭurbo (Belg.), du kursoj (de S-ro R. de Leener kaj F-ino Moreau). — L.

En *Dublin* (Irlando) kurso por eminentuloj, precipe universitataj profesoroj. — G. J. M.

En *Heliopolis* (Egipt.) oni donas lecionojn al 37 lernantoj (angle, france, arabe). — Ŝ.

**Kunvenoj kaj festoj.** — En *Chester* (Anglujo) 27 jan. jara kunveno de la Federacio de Lancashire kaj Cheshire. Estas elektita la jena komitato : Prezidanto S-ro Sydney Taylor (Buxton) ; vic-prez. S-roj R. Marriott (Manchester) kaj F. J. Wert (Rainhill) ; sekr. S-ro G. R. Griffiths (Liverpool, 12 Bennison Drive, Grassendale). La federacio enhavas 25 grupojn kaj kvaronjare kunvenos en diversaj lokoj. Ĝenerale, kiel en Chester, la anoj estas akceptataj de la Urbestro. — T.

En *Berlino*, 6. feb., unua komuna vespero de la « Esperanto-Gruparo Berlin « fondita la 23 de jan. Oni aranĝis deklamojn kaj voĉlegon el Reuter, Meklemburga dialekto. — S.

En *St Etienne* (Franc.) 17 febr. granda propaganda festo, multaj partoprenantoj en la balo ; malgranda loterio plene sukcesis. Rezultato : pliriĉigo de la grupa kaso kaj pligrandigo de l'nombro de la grupanoj. — G.

*Parizo*, 18 febr. la esp. grupo « Mondumaj kunvenoj » organizis en la ĉambrego de la Franca Societo de Fotografarto propagandan feston, kiu plej kontentige sukcesis. En koncerta parto oni multe aplaŭdis diversajn samideaninojn. Poste 18 artistoj el la konata aktoraro « Stela Concert » ludis denove la spritan revuon de S-roj de Ménil kaj André : « Al Anvers ». Grandan sukceson ree ricevis la sceno dediĉita al U. E. A. — Inter la ĉeestintoj : S-roj Sébert, Bourlet, B-ino de Ménil, G-o M. de Bièvre, S-roj Chavet, Gillet, F-ino Gérard, multaj parizaj samideanoj kaj ankoraŭ pli multaj neesperantistaj parizanoj, el kiuj granda nombro estas varbitaj dum kaj post la propaganda kunveno. — G.

**Esperantiaj regionaj kunvenoj.** — *Cape-Town* (Suda-Afriko). — En Claremont la 6 de decembro 1911. Post la raporto de la Del. kaj diskutado, oni akceptis unuanime la sekvantajn proponojn : 1e ke la membroj de U. E. A. kunvenu ĉiumonate en centra loko, por interparolado. 2e ke estu permesate inviti al la kunvenoj ne-esperantianojn, eĉ neesperantistojn, por ke tiuj ekkonu U. E. A. La kunveno elektis : Del. S-ron G. F. H. Clark. Vic.-Del. S-ron E. Hayhow. Subdelegito ekzistas en antaŭurboj Seapoint kaj Claremont kaj en vilaĝo Retreat. — C.

*Heliopolis* (Egipt.). — La 19 de januaro, sub la prezido de D-ro Ŝipek, Del. Gi firmigis la Egiptan Esp. Societon kaj fiksis je 3 sd. la monatan kotizaĵon. La Delegito estas reelektita, kaj kursoj nun ekfunkcias. — Ŝ.

*Capodistria* (Aŭstrio). — La 28 jan. Sukcesa parolado de S-ro Del. Pohusta (el Trieste) pri U. E. A. ; li montris, ke estas necese fondi en Capodistria grupon sendependan de Trieste. 15 personoj aliĝis al U. E. A. Estas elektita Del S-ro Giusto Beranek, direktoro de la Normala Lernejo. — B. kaj P.

**Paroladoj.** — En *Bolton* (Angl.) tri paroladoj de la grupsekretario pri Esp. kaj U. E. A. Kontentiga rezultato ; 16 fariĝis esperantianoj. — A. R. H.

**Paroladvojaĝo Privat.** — Sian sukcesan paroladvojaĝon tra Germanujo, Rusujo, Aŭstrio, Hungarujo, S-ro Privat finis per paroladoj en *Budapest* kaj *Wien*. En Budapest (28 Jan. ), la parolado estis organizita sub la protektado de la Hungara Pacifista Societo kaj de la Hungara Esp. Societo. La parolado, kiun malfermis D-ro Giesswein, papa prelato

kaj deputato, ricevis grandan aplaŭdon de la elektita ĉeestantaro. Poste sekvis ĝojplena festeno en la honoro de ges-roj Privat.

Ili nun trairas Anglujon. La 14 de februaro, parolado en *Cheltenham* al 30 aŭ 40 samideanoj. La 16. en *Bath*, posttagmeze, parolado al la grupanoj; vespere, angle en la Teknika Lernejo; ĉeestis proksimume 60 personoj, el kiuj pluraj aliĝis al U. E. A. aŭ sin anoncis kiel lernontojn. La du tieaj ĉiutagaj jurnaloj enpresis antaŭajn artikoletojn de S-ro Blackett kaj poste raportis pri la parolado.

## OKAZONTAJ KUNVENOJ

### Esperantista Kalendaro

*Aprilo* (13-14). — Kongreso de la S. F. P. E., kongreso de la Esp. Federacio de la Pariza Regiono en *Parizo*.

*Majo* (26-28). — Kvina kongreso de Brita Esperanto-Asocio en *Portrush*.

*Majo* (26-28). — Kvara kongreso de Danaj Esperantistoj en *Vejle*.

*Julio* (27-31). — Kongreso de Germana Esperanto-Asocio en *Danzig-Zoppot*.

*Aŭgusto*. — Tria internacia katolika kongreso en *Budapeŝto*.

*Aŭgusto* (11-18). — Oka kongreso de Esperanto en *Krakovo*.

*Aŭgusto* (11-18). — Tria kongreso de U. E. A. en *Krakovo*.

*Aŭgusto*. — Unua hungarlanda kongreso Esperantista en *Budapest*.

### Programoj kaj informoj

La jara kunveno de la franca Societo por la propagando de Esperanto okazos en Parizo la 13 aprilo. La 14-an kunvenos la Esp. Federacio de la Parizo regiono. *Teatra* prezentado okazos la 13 aprilo je 8 h. 1/2 en la salono de la Société Nationale d'Agriculture. Dimanĉon 14 okazos festeno ĉe la Palaco d'Orléans. Kelkaj teatroj konsentis rabaton da 50 0/0 al la kongresanoj. La ruĝa karto por la prezentado kostos 0,80 Sm., la blua karto 2,10 Sm., rajtigos al la festeno; blanka karto, senpaga, rajtiganta al rabato ĉe la teatroj estas donata al ĉiu akiranto de unu el la supraj kartoj. Por ĉiuj informoj sin turni al S-ro Zigler, sekr.; 25 rue des Blancs-Manteaux, Paris, IV<sup>e</sup>. (Vidu ankaŭ *Alvokoj*).

## DIVERSAĴOJ

∴ *La unua Esperanta radiotelegramo*. — D-ro H. W. Yemans, reprezentanto de la Usona Militministro ĉe la Sepa, estis enŝipiginta sin sur la *Canadian*. Dumvoje li sendis al S-ro Reed, sekretario de Nord-Amerika Esp.-Asocio, la jenan radiotelegramon en Esperanto: « Bonan vojaĝon al ĉiuj! ». Ĉar la *Nederland* estis tro malproksima por ricevi la telegramon, tiu ĉi atingis la *Oceanic*. Je sia granda surprizo D-ro Yemans ricevis tuj de l'*Oceanic* la jenan respondon en Esperanto: « Gratulojn pro la Esperanta komunikajo. Ĝi estas la unua Esperanta radiotelegramo tie akceptita. T. Harris, ĉefmanipulisto ».

∴ *Esperanto kaj kinematografo*. — Oni scias, ke dum la Sepa la firmo Gaumont prenis kelkajn filmojn pri la plej interesaj scenoj de la kongreso. Tiuj filmoj estas viditaj en multegaj urboj eĉ en *Nederlanda* Hindujo, el kie samideano skribas al ni la jenon: «... Estas eble la unua fojo, kiam Esperanto tiel eniras Hindujon. Mi denove travivis la belajn tagojn en la kongresurbo... ».

∴ *Diplomoj*. — Ĉe la konkurso de la direktoroj de la publikaj lernejoj en Ĝenova (Italujo), la Esperanta Diplomo de la Liguria Instituto estis konsiderata kiel *oficiala* dokumento, kiel la stenografia diplomo kaj aliaj similaj. — S.

∴ *Oni parolas Esperante*. — En Olomouc (Moravio) tri firmoj anoncis sur siaj elmetaj fenestroj, ke ĉe ili Esp. estas parolata; ili estas: S-roj Jaroŝ kaj Stehlik, drogistoj; S-ro Boruvka, razisto; S-ro Zapletal, ĉambropentristo. — J. B.

∴ *Monhelpoj*. — En *Bad Reichenhall* (German.), la kurverein decidis donaci al la grupo, kiel pasintan jaron, monhelpon da 25 Sm. — En *St-Etienne* (Franc.) la urbkonsilantaro donacis 80 Sm.; en *Firminy* (Franc.) la urbkonsilantaro voĉdonis 20 Sm.; en *Annonay* (Franc.) la Komerca Ĉambro kaj la urbkonsilantaro subtenas la kursojn per 20 Sm.; en *Nancy* (Franc.) la Komerca Ĉambro, kie kunvenas la grupo, malpliigis je 20 Sm. la jaran luprezon, kio estas konsiderebla fakte kiel monhelpo. (Tiu Ĉambro organizis mem la 19 jan. la paroladon Parrish, kiu okazis antaŭ 250 personoj).

∴ *Oficiala raporto pri Esperanto*. — Kelkaj ŝtatoj de Usono sendis al la lasta VII<sup>a</sup> kongreso de Esperanto reprezentantojn, kiuj havis la taskon esplori la demandon, ĉu Esperanto vere taŭgas kiel helplingvo kaj ĉu oni povas rekomendi la lernadon. La unua raporto de la reprezentanto de Pensylvania, S-ro J. D. Hailman jus aperis. Post kiam li donis plenan raporton pri la kongreso, li speciale pritraktas la demandon pri la Fundamento, al kiu li aljuĝas la grandan sukceson de Esperanto, kontesteblan de neniu ĉeestinta la kongreson kaj li gratulas la registaron je ĝia al Esperanto favora sintenado. — F. F.

∴ *Esperanto estas lingvo... oficiale*. — Antaŭ kelkaj semajnoj la Usona jurnalaro publikigis la jenan interesan informon:

La komisaro de patentoj ĉe la Usona registaro, S-ro F. B. Moore, diris oficiale, ke Esperanto estas lingvo. La decido estas sekvo de proceso kiu alkondukis al la patentoficejo la Trade Mark Title Company (la Komercasigna Titola Kompanio) de Fort Wayne. La Fort Wayne firmo, reprezentante klienton, petis, ke oni registrigu la vorton *saniga* kiel komercan signon. La ekzamenisto, kiu ekzamenis la aferon, raportis ke oni ne povas registrigi tiujn literojn ĉar ili formas vorton, kiu Esperante signifas same kiel la angla vorto « sanitary ». La komercasigna leĝo de Usono malpermesas, ke estu uzata ĉiu vorto, kiu priskribas la artikolon por kiu la komerca signo estas dezirata.

La afero tiam venis ĉe la komisaro de patentoj. Multaj industriaj kompanioj tra Usono interesiĝis. Oni argumentis longe antaŭ la komisaro, sed li subtenis la decidon de la ekzamenisto. Responde al la reprezentanto de la Fort Wayne kompanio ke Esperanto ne estas lingvo, la komisaro de patentoj citis la plej malfruan eldonon de la enciklopedioj por montri ke Esperanto estas rekonata kiel internacia lingvo. — R. B. M.

∴ *Kardinalo Esperantista*. — Dum la lasta Konsistorio, la Papo elektis kiel kardinalon la Rev. Patron Van Rossum, Redemptoriston, kiu tre aprobas Esperanton. Li estas membro de la Belga Katolika Ligo; plie en julio 1911 li skribis: « Esperanto de D-ro Zamenhof faros grandajn servojn al la Eklezio ». La Internacia Katolika Ligo kaj ĝiaj naciaj sekcioj intencas sendi apartajn gratulojn.

∴ *Grava donaco por la germana Esperantistaro*. — Dank'al angla pacamikino kaj Esperantistino, la Germana Esperanto-Asocio ricevis donacon da 2.200 Sm. Tiu sumo fariĝis disponebla pro tio, ke la Berna Paca Oficejo ricevis la Carnegie-Monhelpon kaj la Esperantisto H. Fried, el Wien, la Nobel-premion. — D. M.

∴ *Esperanto kaj scienculoj*. — Esperanto iom post iom akiras la simpation de la kleruloj eĉ sciencistoj. Tion pruvas la nove aperinta libro de D-ro Harald Schütz titolita: *Die Hauptsprachen der Neuzeit* (1). (La ĉefaj lingvoj de la nuntempo). Pli ol 60 lingvoj estas tie priparolataj, kaj de ĉiu

(1) Die Hauptsprachen unserer Zeit von D-ro Harald Schütz, Frankfurt a. M. Verlag v. St-Goar 1910.

aparte la aŭtoro prezentas specimenon kun traduko. Oni povas fari al si ideon pri la ĥina, japana, hinda lingvoj, ankaŭ pri la lingvoj de la afrikaj kaj amerikaj gentoj, ne parolante pri la pli ĝenerale konataj eŭropaj lingvoj kaj eĉ dialektoj. Esperanto estas pritraktata kiel artefarita lingvo kaj deklarata la plej bona el ili. Ĝojante pri tiu ĉi ekkono de nia kara lingvo, mi skribis Esperante leteron al la aŭtoro por lin gratuli kaj danki. Je mia granda plezuro mi ricevis de li respondon en bonega Esperanto, tiel ke ni povas lin konsideri kiel unu el la niaj. Ne estas malgranda honoro nombri en niaj vicoj novan Mezofanti, ĉar kiel alie difini klerulon sciantan pli ol 60 lingvojn. D-ro Schütz loĝas en Frankfurt a. M. kaj estas ankaŭ la aŭtoro de tre estimata verko pri la ĥina filozofo Konfucio.

A. C.

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO

### Al niaj Delegitoj

Ni petas de niaj Delegitoj, kiuj ankoraŭ ne resendis sian respondilon pri la statistiko de la servoj, ke ili bonvolu tion fari kiel eble plej rapide. Estas necese, ke *ĉiuj* liveru la petitajn informojn por la plej granda korekteco de nia jara statistiko.

∴ Ni tre dankas la Delegitojn, kiuj responde al nia alvoko bonvolis sendi ilustritan *poŝtkarton* de sia loko por niaj ekspozicioj, sed la ricevita nombro, estas ankoraŭ nesufiĉa. Por ke tiuj ekspozicioj havu valoron, estas necese, ke en ili estu poŝtkartoj de *ĉiuj* lokoj kie U. E. A. estas reprezentata. Oni do bonvolu afable sendi, se oni tion ne ankoraŭ faris.

∴ La rezultatoj de la balotado de la distriktaj Delegitoj aperos en nia venonta N-o.

### Etato de la Esperantianoj.

Je la *20 februaro* estas enkasigitaj de la Centra Kaso de U. E. A. *5.540* kotizajoj por 1912 (je la 1 januaro, 3.060) 150 Subtenantaj.

Lastan monaton la jenaj regionoj atingis pli ol 20 membrojn: *Antverpeno, Barcelona, Budapest, Burnley, Cape-Town, Caracas, Cordoba* (Hispanujo), *Capodistria, Dijon, Edinburgh, Essen-Ruhr, Germana Militŝiparo, Haarlem, Ĥarkov, Hannover, Huddersfield, Kaliŝ, Kiew, Krakow, Laval, Le Mans, Letchworth, Lwow, Lyon, Manchester,* (Anglujo), *Melbourne, Neuchâtel, Newcastle on-Tyne, Nice Pittsburg, Radebeul, Rostov-Don, Sabadell, Samos, St-Etienne, Umanj, Valencia, Wien.* Pli ol 50 : *Bradford, Breslaŭ, Danzig, Dresden, Genova, London, Moskvo, Peterburgo, Paris, Rotterdam, Stuttgart, Varsovio.*

*Fakaj membroj* :

*Interŝanĝa Fako* : 222; *Laborista Fako* : 51 ; *Virina Fako* : 84.

### Subtenantaj Membroj (5-a. listo) :

145. *O. Gabrick* (Moskvo) ; 146. *B. Kotzin* (Moskvo) ; 147. *N. kotzin* (Moskvo) ; 148. *A. Nonin* (Châtillon-sous-Bagneux); 149. *R. de San Millan* (Madrid) ; 150. *G. Mansfeld* (Merseburg-a-S.)

### Dumvivaj membroj.

22. *Jules Forestier* (Ĝenevo).

La Direktoro.

### Novaj Del. Vic. kaj Subdel.

Auerbach i/S. (Germanujo, Sachsen). — D. : Hugo Gerisch, fabrikanto, Kaiserstrasse 60.

Barnaul (Rusujo, Siberio). — D. : Nikolao Zorin, termezuristo, Pavloskajastr. 11.

Boxtel (Nederlando). — D. : Hermann Haenen, fervojisto.

Claremont (Suda Afriko, Cape Land). — SD. : R. Zitt, Erin Villa, Miller street.

Cours (Francujo, Rhône). — D. : Johanno Mario Rousset, instruisto, rue des Ecoles.

Dorking (Anglujo, Surrey). — D. : W. Marchand, 20, Rothes Road.

Gimeux (Francujo, Charente). — D. : Delphin André, Gimeux près de Cognac.

Granada (Hispanujo, Granada). — D. : Miguel Perez Alcorta, kapitano, infanteria regimento de Cordoba.

Ĥora (Turkujo, Samos). — D. : Manuil D. Kontaksis, instruisto.

Joinville (Brazilujo, Sta. Catharina). — D. : Carlos Chr. Miller, Joinville, Sta. Catharina, Brazil.

Karlovasi (Turkujo, Samos). — D. : Johano M. Leontaris, instruisto.

Kontejka (Turkujo, Samos). — SD. : Stanatio Triantafilides, instruisto.

Maranhao (Brazilujo, Rio de Janeiro). — D. : Benjamin de Mello, r. Grande n-o 76.

Maratokampo (Turkujo, Samos). — D. : Menelaus A. Aleksandrou, Maratokampo.

Montbéliard (Francujo, Doubs). — D. : Gustave Thom, komercisto, 21, rue de Belfort.

Northern Shan States (Hindujo, Birma). — D. : R. H. Moody, inĝeniero, Burma Mines Ltd. Manpure.

Novogradvolinsk (Rusujo, Volia gub.). — D. : Miĥailo Ivanoviĉ Ĝukov, Prezidanto de la juĝejo por orfaj aferoj.

Port Glasgow (Skotlando). — SD. : R. W. Macfarlane, Ivybank.

Prerov (Aŭstrio, Moravio). — D. : Joseph Sarto, oficisto, Lazeuska 5.

Retrait (Suda Afriko, Cape Land). — SD. : H. Garrett, St. Agnes.

Saarbrücken (Germanujo, Rheinprovinz). — D. : Johannes May, Poŝtsekretario, Colerstrasse 16 I.

St. Parres aux Tertres (Francujo, Troyes). — SD. : F-ino Lanzelot, lernejestrino.

Seapoint (Suda Afriko, Cape Land). — SD. : A. E. Abrahams, P. O. Box 2, Wynberg.

Seattle (Usono, Wahington). — D, : Farnsworth Wright, studento, Lewis Hall, University Station.

Ung. Ostra Vorstadt (Moravio). — D. : Josef Socha.

### Ŝanĝoj.

Amiens. D. : Poteau, rue Janvier. — Belgrade. D. : Drag Andonoviĉ, inĝeniero, Brankova 23 — Capodistria. D. : Giusto Beranek. — VD. : Demetrio Cossaro. — Esslingen. D. : Rich. H. Henestenberg — Gœttingen. D. : Hans Steinberg, kand. fil., Reinholdstrasse 12. — Halifax. VD. : E. Depledge, Gash Draper, 42, Newstead Ave. — Ĥarkow. D. : V. Jakoblev, Maskovskaja str. 4, geknaba gimnazio de Rodianova, ĉambro n-o 4. — Madrid. D. : Vincente Alonso Sanz, kapitano, Gutenberg 8 2 A. — VD. : Eugenio Cid, leŭtenanto, Cuartel Guardia, Civil Comandancia Sur. — Mannheim. D. : M. Kohan, meblolignajisto, Mannheim, J. 4-a, 4 I r.— Meran. D. : Stefan Kunerth, komercisto, Meinhardstrasse 3. — Milano. D. : Vincenzo Collonese, Prof. VD. : Luciano Cattorini, komercisto, Via Paolo Sarpi 60. — Northampton. D. : Isaak H. Wright, 66, Harlestone Road. — Paris-Bastille. SD. : A. Remoud, 43, rue des Tournelles. — Patras. D. : Paul Bünemann, komercisto, ĉe Hancock & Wood. — Savannah. D. : W. Murphey, The Southern and Cityens Bank. — Sissach. SD. : Fetzer, Rheinfelderstrasse. — Xanthi. D. : Evangelos M. Evangelidis.

### Citoj.

Amsterdam (Nederlando). — D. : W. Nutters (2-a cito, pro nerespondo al informpetoj kaj oficialaj leteroj)

**Novaj Esperantiaj Entreprenoj kaj Asocioj**

Esslingen a/Nekar (Germanujo). — Esperantista Grupo, Adr. : Rich. Hengstenberg, Esslingen a/N.

Wiesbaden (Germanujo). — Wiesbadena Esperanto-Grupo.

Troyes (Francujo). — Syndicat des voyageurs de Commerce. Adr. : Café du Point Central, rue de la République.

Charlottenburg (Germanujo). — Oscar Bergmann, Kaiser Friedrichstr. 35, Charlottenburg 4.

London (Anglujo). — Thos Cook & Son, Ludgate Circus. Turist-Agentejo.

**Korektoj.**

Paris (Francujo). — Grupo Esperantista. Sekcio « Latina Kvartalo ». Sek. : S-ro Zigler, 25, rue des Blancs-Manteaux.

# Esperantia Parolejo

### Oni laŭdas

∴ *S-ro Génermont*, Del., en Parizo, sendas al sia kolego en Varsovio, S-ro V. Hirszovski, siajn plej korajn dankojn pro la tiel afabla kaj tute privata servo lastatempe ricevita de li.

∴ *S-ro E. Drezin* (Kronŝtadt, Rus.) esprimas sinceran dankon al kelkaj Peterburgaj Esperantianoj kiuj tre amike lin akceptis, interalie al S-roj P. J. Koliŝko kaj R. Lorenson.

### Uzo de la Esperantiaj servoj

Kelkaj plendas, ke multaj Esperantianoj malhelpas al ili produkte labori petante ilin jen sendi P. I., jen P. M., jen kolekton de P. I. Vidu ekz., en n-o 107 noton de Distr. Del., S-ro Luis, kiu, mi komprenas tion, tute vere plendas, ĉar li kredeble havas multegon da laboro. Sed, de vidpunkto de esperantianoj, ni bezonas ne nur por amuzaĵo iafoje ricevi ĉu specimenon de Esp. ĵurnalo por loka ekspozicieto, ĉu kelkajn P. M. aŭ kolekton de P. I. por lernejo. Ekz., mi bezonas kolekton de P. I., el multaj landoj ; mi sendas P. K. kun respondkarto kaj petas Del., ĝentile anonci al mi, ĉu li povas sendi 20 P. I., el sia lando, se mi antaŭe sendas la monon sendelspezojn. Ĉu mi ne bone faras ? Ĉu mi *malhelpas* al Delegito ? Ĉu mia bezono estas malpli servinda ol ekz., servo al turisto ? Ĉu mi aŭ alia estas malpli servindaj, se ni, sidante en rusaj lokoj bezonas ricevi ion por nia lernejo aŭ eĉ por ni mem, kaj petas Del., helpi al ni ? Mi komprenas, ke la Del., ne respondas se ili ne ricevas respondkartojn, sed mi ne komprenas, kial ili povas ne helpi iun ajn peton de petanto, se tiu ĉi konsentas pagi la elspezojn.

Pastro Serïŝev,
*Subdel., Krasnij Jar.*

La uzo de la servoj de niaj Del., en la maniero supre montrita estas tute normala. — Red.

### Korespondantoj

Gazeto de nia urbo enpresas Esperantan novaĵon ĉiusemajne, kaj ni bezonas en diversaj landoj korespondantojn, kiuj sendos al ni interesajn novaĵojn pri Esperanto, k. t. p. Ni antaŭ dankas por la helpo al nia Aŭstralia movado.

C. Unwin,
*48 Cliff Str., Fremantle, West-Australia*).

# Esperantia Vivo

**Morto.** — En Petropolis (Brazilujo) mortis la unua Brazila ĉefjuĝisto kaj tre estimata propagandisto, *D-ro Baggi de Aranjo.* Ĉe lia enterigo reprezentis U. E. A. S-ro Carlos Vellozo.

**Edziĝoj.** — La 15 de jan. en Noyon (Franc.). *S-ro A. Gorlez* kun F-ino *G. Veckmann*.

La 15 de febr., en Gœttingen (German.). S-ro *Hans Steinberg*, Del., kun F-ino *Tete Knops* el Kohlscheid.

## NEKROLOGIO

# W. A. VOGLER

La Morto senkompate frapas en la Esperantaj vicoj.... Kun profunda ĉagreno ni havas la malĝojan devon anonci al nia legantaro la morton de unu el niaj plej sindonemaj kunlaborantoj, *S-ro Wilhelm Arno Vogler*, vickomitatano de U. E. A., Delegito de nia Asocio en Hamburg kaj redaktoro de nia *Komerca Bulteno*. S-ro Vogler, kiu estis fervora Esperantisto jam de longa tempo (1), estis unu el la unuaj amikoj de U. E. A. en Germanujo. Li ne nur akceptis la taskon de Delegito por Hamburgo — tasko, kiun li ĉiam plej konscience plenumis — sed ankaŭ fervore propagandis nian Asocion en Germanujo kaj helpis venki la unuajn neeviteblajn dubojn, kiujn naskas ĉia nova entrepreno. Per sia profesio li speciale alte taksis la signifon de U. E. A. por la praktika vivo. Sed estante samtempe konvinkita idealisto, li ne malpli energie ŝatis la socian valoron de Esperantismo. Ĝuste antaŭ unu jaro, li publikigis en nia gazeto sub la titolo *Zamenhof kaj Esperanto kiel edukantoj*, artikolon, en kiu li esprimis siajn ideojn pri tio : «..... Sed ne la nura lingvaĵo, la gramatika konstruaĵo povas efiki tiel forte. La pura fonto de tiu aga forto naskiĝas el la interna ideo de Esperanto, kiun ni nomas Esperantismo. La interna ideo de Esperantismo estas la instigilo al nia fervora agado, ĉar ĝi estas la fundamento de la religio komuna al la tuta homaro : la frata amo. Kaj tiu interna senco estas la forto, kiu plenigas la korojn de la fidelaj samideanoj je firma espero kaj nelaciĝa forteco. Tial la Esperantismo pruviĝas kiel potenca edukanto. Ĝi instigas nin al senegoisma laboro, ĝi plantas en la korojn de la homoj la pacamon kaj instruas ilin abomeni la kruelajn militojn verŝantajn la sangon de la kunfratoj... ».

S-ro Vogler ofte kunlaboris je nia gazeto. Li ankaŭ sukcese partoprenis en diversaj Esperantaj konkursoj. En nia antaŭlasta N-o ni ankoraŭ publikigis verkitan de li interesan artikolon pri la « Utilo de la ĉeko kaj transpagilo en la Komerca pagado », premiitan ĉe la literaturaj konkursoj de la Sepa. En 1910 li estis elektita vickomitatano de U. E. A. kaj prezidanto de la komerca komisiono, kies membro li jam estis. Malgraŭ siaj multaj okupoj li bonvolis akcepti la taskon de redaktoro de nia *Komerca Bulteno*. Krom tio li estis konsilanto de la Germana Esperanto-Asocio, ĉe kies Lübeck'a Kongreso li faris favoran raporton pri U. E. A., kaj membro de la Lingva Komitato.

Modesta, fervora kaj laborema estis nia samideano. Eksterajn honorojn li malmulte ŝatis, sed kie estis plenumota utila kaj praktika laboro, tie li estis kaj al li oni povis fidi.

Nia movado, nia Asocio konservos al tia fidela batalanto dankeman rememoron.

H. H.

# Alvokoj

### Al francaj Delegitoj ! Al ĉiuj Samideanoj !

La 13-14 de Aprilo okazos, en Paris, la ĉiujara nacia Kongreso de la Franca Societo por la propagando de Esperanto.

Estus dezirinde ke el ĉiuj plej gravaj francaj urboj organiziĝu karavanoj sub la aŭspicioj de U. E. A., kaj ni sendas hodiaŭ alvokon al niaj francaj Kolegoj por ke ili prenu sur sin tiun taskon kaj tiel faciligu la vojaĝon, al la ĉefurbo, de la kongresontoj.

(1) Li naskiĝis en 1857 kaj mortis la 15 februaro 1912.

Ni rememorigas ke la francaj fervojaj kompanioj ĝenerale konsentas rabaton da 50 o/o al societaj Kongresanoj, vojaĝantaj dekduope, minimume. La organizontoj de karavanoj sin nepre turnu al la staciestroj kiuj donos al ili detalojn kaj precizajn informojn : ili legu ankaŭ pluajn sciigojn en la *Oficiala Bulteno de la S. F. P. E.*

Ni esperas ankaŭ ke niaj nefrancaj amikoj venos multnombraj al nia nacia kongreso : en la nomo de la S. F. P. E., ni ilin tutkore invitas, ilin certigante pli la plej afabla akcepto. La organiza komitato kaj la U. E. A. — delegitaro en Paris faros ĉion necesan por faciligi ilian alvenon kaj agrabligi ilian restadon en la franca ĉefurbo.

En la honoro de niaj amikaj gastoj kaj kun la helpo de la asocio « Les Amis de Paris » (E. E. de l'U. E. A.) ni organizos interesajn vizitojn ĉe la plej kuriozaj vidindaĵoj de Paris. Ili do akceptu nian koran inviton kaj venu multnombraj !

M. Génermont, S. D. U. E. A.
Presa Kom-ano de la S. F. P. E.

## Turisma ekspozicio Stuttgart

La ankaŭ en Esperantujo fame konata turisma ekspozicio en Berlino dum 1911 baldaŭ havos idon en Stutgarto. La « Württembergisch-Hohenzollernsche Verkehrsverein » aranĝas por Aprilo ĝis eble mezo, eble fino de Junio la diritan ekspozicion kaj fervora estas la partopreno de la landaj komunumoj, kuracejoj kaj lokoj por sporto kaj libertempa restado. La elmontro kompreneble estas, kiel dirite, kvazaŭ nur ido de la Berlina, ĝi ne estos internacia nek tiom ampleksa, tamen tiom pli intima kaj malpli laciga. La « Ŝvaba vintrinkejo » kaj la « Kaftrinkejo el la Nigra Arbaro », kiuj estis jam en Berlino tre allogaj, reviviĝos ankaŭ en Stutgarto, eĉ pligrandigitaj, kaj bonegajn koncertojn oni ĝuos en ili. Ĉar la direkcio, same kiel okazis en Berlino, konsentis doni por Esperanto senpagan lokon, la Stutgartaj esperantistoj intencas aranĝi Esperantan ekspozon, kaj ni invitas jam nun la samideanojn, ke ili venu por viziti nian bele lokitan urbon, kvazaŭ gemo en verda pluŝo, kiu kunigos por kelkaj monatoj la diversspecajn belecojn de la Ŝvablando. Pli malfrue mi verŝajne povos doni pliajn informojn kaj priskribon de la ekspozicio mem.

La gazetoj ĉiulandaj volu represi tiun nian sciigon kaj sendi al la suba adreso unu ekzempleron de la rilata numero, por ke ni povu ekspozi ĝin kaj montri al la aranĝantoj ke Esperanto estas taŭga rimedo por unuiĝoj celantaj diskonigon de sia urbo.

P. Crhistaller,
Esperantejo, Stuttgart (Germanlando).

## Libristoj kaj eldonistoj

La Esperantistaj libristoj kaj eldonistoj, kiuj estus pretaj partopreni je speciala profesia societo por libristoj kaj eldonistoj, estas petataj sin turni al S-ro Bruijn, librejo Espero, Prinsestr., 48, /s-Gravenhage (Nederlando).

## Al ĉiuj Alpamantoj kaj Montamikoj

Konsiderante la fakton, ke dum la jaro multaj Esperantistoj vojaĝas en la montojn, ĉu por plezuro ĉu por mallacigo, kaj neniu scias ion pri la samtempa ĉeesto de alia samideano, mi multe pensis pri taŭga organizo inter la alpamantoj kaj la montamikoj ĝenerale. La celo de tiu organizo estus la aranĝo de komunaj ekskursoj, vojaĝoj, vintrsportaj festoj, k. t. p. Mi kredas, ke ankaŭ multaj samideanoj samopinias kiel mi kaj estus pretaj kunhelpi ĉe la efektivigo de mia plano. Kiu do interesiĝas pri tiu-ĉi projekto bonvolu sendi sian adreson al

W. Haase, ĉe Lüdy et Ko.,
*Burgdof (Svislando).*

## Antaŭkongresa informo

Presa fako de la kongresa Komitato en Krakovo liveras laŭ ebleco al ĉiuj gazetoj esperantistaj artikolojn pri Krakovo, urbo de la Oka, pri ĝia ĉirkaŭaĵo, kaj ĝenerale pri Polujo. Postulojn kaj kondiĉojn oni sendu al

L. Kronenberg,
Societo Esperanto, *Krakov* (Aŭstrio).

## Pripensindaĵo

Antaŭ ne longe mi legis en Haga ĵurnalo la instalon de prepara komisiono por la tria packonferenco. Tiu informo nakis ĉe mi la jenan ideon : Miaopinie estas la tasko de packonferenco interalie pri paroli kaj pridiskuti ĉion kio povas progresigi la ideon de ĝenerala paco, helpi al ĉio, kio povas plibonigi la internaciajn rilatojn. Ni Esperantistoj, kaj kun ni la pli multo da bonpensemuloj estas konvinkitaj, ke la lastan treege malfavoras la diverslingveco kaj ke enkonduko de helplingvo tre favoras ĝin. Packonferenco ne rajtas decidi pri tiu enkonduko, sed certe ĝi rajtas esprimi ĝian dezirindecon kaj akcepti deziresprimon ke la registaroj klopodu por ĝia baldaŭigo. Tia faro havus grandan gravecon ; ĝi donus al la registaroj ne sole la motivon sed ankaŭ la devon laŭforte kunhelpi al la solvo de la demando. Ĉu iu registaro iniciatos la aferon ? Verŝajne ne sen instigo deekstera. Mi opinias, ke ni, Esperantistoj, devas fari la nian por inklinigi niajn registarojn al tio. Mi do proponas ke la centra Esperantista Unuiĝo de ĉiu lando sin turnu al sia registaro kun motivita peto ke ĝi bonvolu komisii al siaj delegitoj la iniciaton de la diskutado pri la dezirindeco de alpreno ke helplingvo kaj la proponon de koncerna deziresprimo. Eble unu el la registaroj plenumos la peton, kio povus esti la komenco de la definitiva venko.

H. C. Mees, *Del.. Hago.*

## Al Ruĝkrucanoj !

Dum majo 1912 okazos en Washington (Usono) la 19-a. kunveno de la Internacia Ruĝkruco. Post korespondado, la Estraro de la Usona Ruĝkruco promesis al mi, ke Esperanto estos metata en la programon de tagordoj, se almenaŭ *unu* el la fremdaj aŭtoritataj delegitoj de Ruĝkrucaj Societoj anoncos sian intencon diskuti pri la rilatoj inter Esperanto kaj Ruĝa kruco. Estos bone, se estonte la interkomunikoj inter diversaj Rĝk Societoj devos esti dulingve skribitaj, nacie kaj Esperante. Al propagandaj societoj estas konsilinde tuj rilati pri tiu temo kun la hejma Rĝk. Societo.

Th. Hanssen,
*Dubuque, Usono.*

## Ekspozicio

Por propaganda ekspozicio, la subskribinto tre dezirus ricevi la ordinaran materialon de tiaj elmontroj Antaŭan dankon ! Bonvolu adresi : 69, rue Neuve, Bruselo, Belgujo- — Al S-ro R. de Leener.

## Al terkulturistoj

Ni proponas al samideanoj terkulturistoj restadi ses monatojn en nederlanda Terkultura kolonio, kiu kuŝas ne malproksime de l'sablaĵoj ; do ĝi taŭgas ne nur por laboro, sed ankaŭ por plezuro. Volonte unu el la kolonianoj restos tempon en Zwesujo aŭ Francujo ĉe terkulturestro aŭ vilaĝano. Pri vojaĝkostoj, per letero.

C. Ramper,
Del., *Nieuwe Niedorp* (Nederlando).

## Vojaĝo tra Burgonjo

Okaze de ĝia V-a Kongreso kiu havos lokon en *Tournus* dum la Pentekostaj festoj, 26 kaj 27 de majo, la Federacio de la Esp. grupoj de Bourgogne kaj de Jura kore invitas la fremdajn esperantistojn por ke ili venu al ni kiel eble plej multenombraj kaj uzu la okazon por viziti ne sole la kongresurbon sed ankoraŭ la tutan regionon kiu estas plena de mirindaĵoj.

Ne estas necese rememorigi la famecon de la vinoj de tiu regiono. La nomoj Beaune, Volnay, Corton, Mercurey, k. t. p., estas pro tio famaj en la tuta mondo. Sed tiu ĉi provinco estas precipe rimarkinda pro la arĥeologiaj riĉaĵoj kiujn ĝi enhavas. Ni ne intencas ilin ĉiujn citi. Ni nomos nur kelkajn el ili. En *Dijon*, la faman Palacon de la Dukoj de Burgonjo, en *Beaune* la tre konatan hospitalon konstruitan laŭ Flandra stilo ; en *Autun* la tre multenombrajn Romanajn restaĵojn ; en *le Creusot* la rimarkindajn Uzinojn *Schneider* kiuj okupas pli ol 12.000 laboristojn. Chalon, Mâcon, la abatejo de Cîteaux estas tiom da interesaj lokoj vizitindaj. Ni ne parolis pri

la tre kurioza abatejo de St-Philibert en Tournus kiun ĉiuj kongresanoj certe detale vizitos.

Ni do ne dubas ke tio sufiĉos por logi multajn el niaj Svisaj Germanaj, Italaj aŭ eĉ Anglaj samideanoj kaj ni certe esperas ke ili formos specialan karavanon tra nia provinco. Ni estas pretaj fari nian eblon por plifaciligi kaj pliagrabligi ilian vojaĝon. En ĉiu urbo ili trovos Del., de U. E. A., kiu certe ĉion atente preparos. La personoj, kiujn tiu projekto logos, povas de nun skribi al la sidejo de la Federacio, 18, place Schneider, Le Creusot kiu interrilatigos la partoprenontojn por ke ili organizu inter si la vojaĝon ; kaj ni ne dubas ke post tre malmulte da tempo ni povos montri sindonan karavanestron kiu alcentrigos ĉion rilatan al tiu projekto. P. D.

## UNIVERSALA ESPERANTIA LIBREJO

*10, rue de la Bourse, GENÈVE (Svis.)*

**Se vi volas amuzi viajn korespondantojn kaj samtempe propagandi, aĉetu tiun ĉi poŝtkarton !**

Prezo : 12 ekz. (afranke) : Sm. 0.40
: 50 ekz. (afranke) : Sm. 1.50
: 100 ekz. (afranke) : Sm. 2.50

**NOVAJ LIBROJ :**

**Fabiola.** — Granda romano pri la Katakombaj kaj komencoj de Kristanismo, de Kardinalalo Wiseman. trad. E. Ramo. Dika volumo in-8, 427 paĝoj. — Prezo : Sm 1,40 ; (afranke) Sm. 1,76.

**Paŭlo Debenham.** — Romano originale verkita en Esperanto, de H. A. Luyken. — Prezo (afranke) : Sm. 1.12.

**Kulturceladoj de la nuntempo.** — Nova verko de la fame konata P-ro D-ro A. Forel pri la plej gravaj nunaj sociaj problemoj. — Prezo (afranke) : Sm. 0.50.

**Historieto de Esperanto.** — De D-ro A. Fiŝer. Premiita ĉe la literatura konkurso de la Sepa. — Prezo (afranke) : Sm. 0.24.

**Albrecht Dürer.** — Lia vivo kaj elekto el liaj verkoj. Kun klarigoj de la apartaj folioj. Luksa volumo da 93 paĝoj kun 57 belegaj reproduktaĵoj de la majstro. Verkoj de l'fama pentristo (trad. de la Germana Esperanto-Asocio. — Prezo : Sm. 2 — Lukse bindita : Sm. 2.50.

**La Ponto.** — La organizado de la Intelekta Laboro per « La Ponto ». De K.-W. Bührer kaj Ed. Saager. Trad. de J. Schmid. Ł, K. 157 paĝoj. — Prezo (kartonite) : Sm. 2.

**Esperantista Kantaro.** — Kolekto de 17 originalaj aŭ tradukitaj kantoj. Vortoj kun muziko por 4 voĉoj. Konataj kaj ŝatataj melodioj. Necesega al ĉiuj grupoj. — Prezo : Sm. 0.40.

**Tra Belglando, Nederlando kaj Anglolando, per Esperanto,** de R. di Rienzi. Interesa kaj bonhumora raporto pri vojaĝo farita ekskluzive per Esperanto kaj dank'al Esperanto. Rekomendinda legolibro kaj propagandilo por la Esperantaj kursoj. Broŝuro 32-paĝa, mono. — Prezo : Sm. 0.20.

**Demandaro pri la Historio, Literaturo kaj Organizajoj de Esperanto** por Esperantaj Ekzamenoj. Grava verketo por ĉiu lernema Esperantisto. Verkis R. de Ladevèze. — Prezo : Sm. 0.50.

**Kion la Vivo alportis.** — Dek originalaj poemoj de D-ro Schnlhof, Antaŭparolo de M. Hankel. — Prezo : Sm. 8 20.

*Por ĉiuj supraj verkoj, aldonu 10 % por la afranko*

**OFICIALAJ ELDONAĴOJ DE U. E. A.**

*(Propagandiloj)*

**Esperantismo.** — La internaciaj rilatoj. Esperantismo kaj Esperanto. La servoj de U. E. A. Elementoj de Esperanto.

Propaganda broŝuro de H. Hodler. Havebla en la lingvoj *angla, franca, germana* aŭ *rusa.*

Prezo (afranke) : Sm. 0.10. Por mendoj de pli ol 10 ekz. rabato da 33 %.

**La Internaciaj rilatoj.** — Propaganda okpaĝa folio pri la servoj de U.E.A. Havebla en la lingvoj *angla, franca* aŭ *germana.*

Prezo (afranke) : *10 ekz.*, Sm. 0.10. *100 ekz.* Sm. 0.80.

Ambaŭ supraj verkoj estas rekomendataj al ĉiuj propagandistoj.

*Oficiala insigno*

Verda stelo kun blank-ora rando, literoj U. E. A.

Pinglo aŭ broĉo . . Sm. 0.36 Butono . . . . . Sm. 0.48

Oni aldonu Sm. 0.10 por rekomendo.

*Oficiala skribmaterialo*

*Leterpapero*, 100 ekz. $ 0.75
*Kovertoj*, 100 ekz. $ 0.60
*Poŝtkartoj*, 100 ekz. $ 0.75

*Poŝtkartoj arte ilustritaj* 10 ekz. $ 0.40
(Kun la bildo de D-ro Zamenhof), 100 ekz. $ 0.60

**Universala Esperantia Librejo**

*10, rue de la Bourse, GENÈVE (Svis.)*

# REKLAMO

## KORESPONDADO

La subaj anoncetoj pri Korespondado estas publikigataj sen garantio de ni pri regula respondo.

La personoj, kiuj deziras korespondi en daŭra maniero kaj havi garantiojn pri akurata respondo, aliĝu al la nova fako de U. E. A. « Universala Interŝanĝa Asocio » (kotizajo 0.50 Sm.), speciale starigita por faciligi la rilatojn inter korespondantoj kaj kolektistoj. La adresoj de la membroj de la Interŝanĝa Asocio estas publikigataj en la Interŝanĝa Bulteno.

L = *letero*. PK = *poŝtkarto*. PI = *poŝtkartoj ilustritaj*. PM = *poŝtmarkoj*. b. fl. = *bildflanko*.

Aidin (Turkujo). — Georges Theodosio, Ecole de M. Paukratios, PI. PM.

Bilbao (Hispanujo). — F-ino Adela Pujol, Espartero 14, PI.

Bæhm. Leipa (Bohemlando). — S-ro Jos. Krumpholc, Grabengasse 33, PI.

Boulogne-sur-Mer (Francujo). — F-ino Louise Haignéré, instruistino, 149, rue du Moulin à Vapeur, PI.

Budapest (Hungarujo). — S-ro Cusztav Laszlovszky, VI. Vacit-ut 109. PI.

C. Kremze (Austrio, Bohemujo). — Esp. Rondeto, S-ro prez. T. Ŝimeček.

Česka Lipa (Bohemlando). — S-ro Jos. Krupka, PI. PM. (ne kun francoj).

Ekaterinbourg (Rusujo, Ural). — S-ro Serge Riabov, Clavn prosp. 9 PI. L. PM. (por la tieaj Esperantistoj).

Evesham (Anglujo). — F-ino M. H. Bomford, Maner House, Ach Lench, PI. (kun ne angle parolantaj alilanduloj).

Frankfurt-a-Main (Germanujo). — S-ro Sebastian Basbogen, rusa studento de la filologio, Akademie für Sociale und Handelswissenschaften, PI. L. (pri literaturo).

Genova (Italujo). — La lernantoj de la Liguria instituto de Esperanto : Salita Pollaiuolli 13-4 Genova, de ĉiuj aĝoj kaj kondiĉoj deziras korespondi kun ĉiulandaj samideanoj. (Ĉiam aldonu la aĝon kaj kondiĉojn).

Gombos (Hungarujo, Bacs-kon). — S-ro Paul Baumgarten, PM.

's-Gravenhage (Nederlando). — S-ro M. A. Cerritse, Westerbaenstraat, 183, PI.

Ipswich (Anglujo). — S-ro Ivo Nage, 23 Hartley St., PI.

Ipswich (Anglujo). — S-ro Wm. Jolly, 46, All Saints Rd., PI. (kun Balkananoj, Italoj kaj Norvegoj).

Kassa (Hungarujo). — S-ro Ludoviko Balint, Kassa'a Ŝparkaso, PI. PM.

Litenĉice (Austrio, Moravio). — S-ro D-ro Alois Jouza, PM. (kun neeŭropanoj, balkanaj ŝtatoj, ne kun Usono, ne sendas unue).

Luck (Rusujo-Wolynska). — S-ro Josef Wojcikiewicz, Ostrozec, librotenisto de Administrejo Ostrozec (interŝanĝi skemojn de terkulturaj libroj, fotografajojn, PI., PM.)

Mallorca (Hispanujo). — S-ro Antonio Barcelo G. de Parades-Consell, PI. L.

Montevideo (Urugay). — S-ro Raŭl V. Idoyaga, Casilla de Correo 303, PI., K. (kun ĉiulandaj samideanoj, escepte francaj, anglaj, germanaj, aŭstriaj kaj rusaj. Respondo laŭ deziro per 2 aŭ 3 kartoj).

Novoĉerkask/Dona (Rusujo). — S-ro Boriso Popov, Mariynskaja 36, PM.

Novoĉerkask/Dona (Rusujo). — S-ino Klaŭdia Popov, Mariynskaja 36, PI. (belaj kapetoj kaj tipoj, kun ĉiuj landoj).

Olomouc (Austrio, Moravio). — S-ro Rudolg Petr, asistanto ĉe la Jaroŝ et Stehlick. (Kun Esperantistino, kiu vizitos la kongreson en Krakovo).

Ostrolece (Rusujo, Lomschinskij gub.). — S-ro Rudolf Salberg, soldoto, 1-o Sapernoj batalion 1 roota, PI. L.

Oulu (Rusujo, Finlando). — F-ino Elli Ahlstrœm, Pallas.

Peterburgo (Rusujo). — S-ro Augusto Kass, Mogileva str. 2-15, PI. PM. (precipe kun junularo).

Peterburgo (Rusujo). — S-ro J. Nikolæv, Ekaterininskij kanal d 27 kv. 19, PI.

Praha (Bohemujo). — F-ino Julie Ŝpupiĉhova, instruistino, Praha III. Mostecka str. 55., PI. kaj gazetoj.

Praha (Austrio, Bohemujo). — S-ro I. Krupiĉka, Akademie 23-o, Praha VIII. PI. PK.

Praha 94 (Austrio, Bohemujo). — S-ro C. Ŝmid, Veŝovice, PI.

Philadelphia (Usono). — S-ro C. C. Coigne, 2.157 E. Cumberland st. L. (dez. rilatojn sole pri teozofio).

Pihl N. 25 (Aŭstrio, Bohemujo). — S-ro Ferd. Jochman, PI. Karl Ronge, PI. Otto Lœffler, komercisto, PI.

Ralja (Serbujo). — S-ro Ratko Marjanoviĉ, PI. L. bfl. (precipe kun malproksimaj landoj).

Rjazan (Rusujo). — S-ro M. Cimbalisty, Sobornaja 246., PI. PM., (interŝ. gazetojn esperantajn kaj portretojn).

Rjazan (Rusujo). — S-ro K. Kozlatnikov, knaba gimnazio de Zelatrov, VI-a klaso, PI. L.

Sabadell (Hispanujo). — S-ro S. Esteve, Pere Poul ctrato Felix Amat 96.

Salvador (Brazilujo, Bahio). — S-ro M. de Souza, Sta. Thereza I/II, PI. PM. (nur kun neeŭropaj kaj neusonaj Esperantistoj).

Tarnow (Austrio, Galicio). — S-ro A. Chomet, stud. iur., Watowa 30.

Tronville-en-Barrois (Francujo, Meuse). — S-ro Georges Dejardins, PI. PM. bfl. (kun ĉiulandaj gesamideanoj).

Tronville en-Barrois (Francujo, Meuse). — S-ro Emile Ackermann, PI. PM. bfl. (kun ĉefurbanoj de Eŭropo kaj kun neeŭropanoj).

Tronville-en-Barrois (Francujo, Meuse). — S-ro Suma Lafrogne, PI. PM, bfl. (kun Aŭstralio, Azio, Sudameriko precipe Kron Belg., German., Ital., kaj Rusujo).

Verona (Italujo). — S-ro Sentieri Marjo, Ufficio Posta Verona 6, PI.

Vilno (Rusujo). — S-ro Jozefo Minkovski, Gubernzkoje Pravlenje, PI. (kun junaj fraŭlinoj).

Vladikaŭkaz (Rusujo). — S-ro Tretjakov, kadeta korpuso.

Wien (Austrio). — S-ro Antono Polivka, bindisto, XIV., Goldschlagstr. 112-1-o. PI. PM. L. (interŝ. monerojn, esp. gazetojn).

Wien (Austrio). — S-ro Jano Ŝramek, bindisto, III. Mohsgasse 1-o II. 21. PI.

## PETOJ KAJ PROPONOJ

GERMAN-AŬSTRIA ESPERANTISTO. — Pri la 8-a internacia kongreso Esperantista 1912 informas bonege la oficiala organo de la Ligo de Germanlingvaj Aŭstriaj : German-Aŭstria Esperantisto. Ĉiumonate Esperante kaj Germane. — Jara abono Sm. 1,25 — k. 3. Administracio : Wien VI, Dürergasse 19.

---

RIGARDU ! INDIANAJ ANTIKVAJ AMERIKAJ KURIOZAĴOJ. — BELA KOLEKTO POR ESPERANTA EKSPOZICIO : SILIKAJ SAGKAPOJ, SILIKA SKRAPILO, BETULBARKO-ĈIUJ POR 1 SPESMILO, AFRANKITE. MIGRANTAJ KARTOJ POR LA DISVASTIGO DE ESPERANTO TRA LA MONDO PO 10 POR 50 SPESDEKOJ AFRANKITE. SENDU MONON PER INTERNACIA POŜTMANDATO AU RESPONDKUPONOJ. TURNU SIN AL DEL. DE U. E. A., JAMES R. WOLFE, LEWIS, KANSAS., U. I. S. AMERICA, BOX 106, EDWARDS COUNTY.

---

LIBREJO ESPERANTO en Montevideo deziras havi komercajn interrilatojn kun similaj alilandaj firmoj, t. e. Esperantaj eldonejoj, librovendejoj, papervendejoj, k. t. p. — Oni petas ankaŭ la alsendon de katalogoj, specimenoj, prezaroj, k. s. — Adreso : Libreria Esperanto (Munoz kaj K-o), strato 25 de Mayo 471. Montevideo (Urugvajo).

---

KRIZANTEMOJ kun grandaj floroj. Kolekto da 250 malsimilaĵoj. Oferas junajn kreskaĵojn tre vivantajn, sendeblajn en Marto-Aprilo. Prezo : 5 frankoj po 12 specoj malsimilaj, Koloroj tre diversaj. Katalogon laŭ peto. S-ro A. Hollert, amatora ĝarden kulturisto, Boulogne-sur-Mer (Francujo).

---

POŜKRAJONOJ kun pintigiloj kaj magazeno el diverskolora galalito surskribitaj « Samideano » po 50 Sd., kun plumo duaflanke 60 Sd. Ĉiuj Esperantistoj mendu ĝin ĉe « Societo Esperanto », Krakovo, Austrio.

---

POŜVORTARO. — Tre interesa libro por hispanlingvanoj kaj fremduloj vizitontaj latinajn landojn. Enhavas pli ol 10.000 radikojn. Lukse bindita 2 Fr. Adresu al S-ro X. Tuduri, S. Sebastian (Hispanujo).

---

VELURPAPEROJ. — Mi deziras scii, kie oni fabrikas la veluran paperon en folioj ; la supraĵo de tiu papero havas aspekton de veluro. Mi pensas, ke ĝi venas el Austrio kaj Germanujo. Bonvolu skribi al S-ro G. Perrin, 8, rue de Rome, Calais (Francujo).

---

WANDSBEK APUD HAMBURG (Germanujo). — S-ro Aŭg. Brüghemann, Bramfelderstr. 42 PI., kaj gazetoj. Atentu. Bonvolu skribi al mi per PI. vian naskiĝotagon kaj mi sendos al vi ĉiujare belan germ. bondezirkarton.



*La Administranto (Gérant) :* MICHAUD
Laborista Kooperativa Presejo, 15, rue Amiral-Roussin. Dijon (Francujo).

